


KONGRESA KURIERO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Aŭroro

Sabato/Dimanĉo, 20-21 julio 2013 N-ro 1

## SALUTMESAĜO DE LA ALTA PROTEKTANTO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La idealo pri kuna socio, kreado kaj esprimado sendependa de etna aŭ nacia deveno akompanis Esperanton ekde la komenco, kaj danke al ĝi la movado iĝis unio por paco kaj humaneco.

Dum la nova jarcento la teknologio malfermis multajn dimensiojn en la mondo, translime konektis homojn el ĉiuj partoj de la mondo, kaj favoris la ŝanĝiĝojn en la mondo, inter kiuj la lukton por progresigi Esperanton. Sekve komenciĝas novaj tempoj kun ŝanco por sukcesoj pli diversaj ol iam ajn antaŭe.

La Universala Kongreso de Esperanto, okazanta nun en Harpa, estas ideala loko por atenti la estontecon, dum ni laŭdas la respektindan ĝisnunan laboron por Esperanto. Mi kore bonvenigas vin al la kongreso kaj deziras al la movado sukceson en la estonteco.

Ólafur Ragnar Grímsson
*Prezidanto de Islando*

## Senpaga retkonekto

La kongresejo provizas senpagan retkonekton al la kongresanoj. Por uzi ghin oni devas elekti "Harpa-Conference-1". La pasvorto estas: Eldborg1.

## Korekto pri Kleriga Lundo

En la laŭtaga programo de la Kongresa Libro, kaj ĝis lastatempe de la elŝutebla laŭtaga programo ĉe www.uea.org, salono Beleva estas listigita por la Kleriga Lundo-sesio gvidota de Kristin Tytgat, "Konsiloj por klare kaj efike komuniki en Esperanto", kiu tamen okazos en salono Broadribb, kiel ĝuste montras la programaj tabeloj kaj laŭalfabeta programlisto.

## Grave pri la Kongresa Libroservo!

La prezoj en la Kongresa Libroservo estas indikitaj en eŭroj (EUR), sed la kontantaj pagoj okazos nur en islandaj kronoj (ISK).

## Novaĵoj pri EEU-kunsidoj

Fermita kunsido de Eŭropa Esperanto-Unio (EEU) okazos dimanĉon posttagmeze (15h30-17h30) en la salono Björtuloft (kiu ne havas Esperantan nomon), atingebla per lifto ĝis la 5-a etaĝo. Tie dekstre de la lifto estas deklivo kiu kondukas onin ĝis la salono en la 6-a etaĝo. La publika kunsido de EEU okazos lundon (16h30-18h00) en salono Hirsch. La kunsido anoncita en la Kongresa Libro por vendredo (15h00-15h30 en salono Beleva) estas nuligita.

## Foto de la Tago

Ĉu vi ofte fotas dum la kongresaj tagoj? Afiŝu viajn plej bonajn fotojn ĉe la virtuala galerio de la kongreso: http://www.flickr.com/groups/98-a_uk. La redakta teamo de la Kuriero elektos el ili la Foton de la Tago, kaj ankaŭ aliaj kongresanoj povos ĝui ilin. Necesas havi aŭ krei yahu-konton por uzi tiun servon.

# Kleriga Lundo

*lundon, la 22-an de julio 2013*

## UNUA BLOKO: 09h00-10h30

### Kiel recenzi diskon

Paul Gubbins

Aperas ĉiumonate novaj kompaktdiskoj de Esperantaj kanzonistoj kaj aliaj muzikistoj. Ofte ilin ni ne rimarkas, ĉar mankas recenzoj. Kaj mankas recenzoj, ĉar homoj hezitas – eventuale pro nesperto pri la arto recenzi – surpaperigi siajn opiniojn, siajn impresojn. Ĉi tiu sesio esploros kiel recenzi KD-ojn same de teoria kiel, pli grave, de praktika aspektoj. Ni diskutos i.a. pri kio estas recenzo; ĉu, recenzante, ni esperantistoj tro indulgas niajn artistojn; kiom permeseblas de etika kaj jura vidpunktoj vere kritiki; kaj fine, surbaze de disaŭdigitaj muzikeroj ni verkos niajn proprajn, specimenajn recenzojn.

*09h00-10h30, Dao Anh Kha*

### FACILA: Kanti kaj babili kun Manŭel

Emanuele Rovere (Manŭel)

Manŭel prezentos kelkajn el siaj kantoj kaj instigos vin kanti kune, sekvante simplajn videotekstojn kaj spektante kantofilmeton pri stranga kaj simpatia kato. Li ankaŭ instigos vin konversacii per simplaj vortoj, tiel ke ĉiuj trovos bonan ŝancon por facila kaj amuza babilado.

*09h00-10h30, Broadribb*

### Unuiĝintaj Nacioj: cele al pli bona mondo

Humphrey Tonkin kaj Stefano Keller

Kiel ĉiuj politikaj organizaĵoj, UN estas komplika, malrapida, kaj plena je diversaj vidpunktoj. Sed ĝi faras valoran laboron, kiun la homoj ĝenerale nesufiĉe bone konas. La celo de tiu ĉi seminario estos klarigi la laboron de UN kaj montri kial esperantistoj devus sin engaĝi en tiun laboron, kaj kiel tion fari.

*09h00-10h30, Beleva*

### Novaj projektoj de E@I kaj ilia utilo por Esperanto

Peter Baláž kaj Jevgenij Gaus

Skiza prezento de la plej freŝaj aktivecoj de E@I – ĉu retaj projektoj, ĉu aranĝoj aŭ eldonaĵoj. Venu ekscii ĉion kion vi povos praktike utiligi kaj eventuale eĉ kunlabori. Prezentitaj estos projektoj: nova lernu.net, lingvo.info, deutsch.info, monda.eu, www.komputeko.net, www.vortaro.net (reta PIV), SES, KAEST, planoj por baldaŭaj projektoj ktp.

*09h00-10h30, Bormann*

### Utiligado de Esperanto

HORI Jasuo

Esperanto estas tre utila por kolekti kaj disdoni diversajn informojn kaj novaĵojn, ĉar esperantistoj sinceraj kaj kleraj loĝas en diversaj landoj kaj respondas al diversaj petoj. Kaj tio estas la plej granda avantaĝo de Esperanto, kaj tion aliaj lingvoj ne havas. La prelegando montros, kion li faris okaze de la katastrofo en 2011 en Japanio.

*09h00-10h30, Hirsch*

## DUA BLOKO: 10h45-12h15

### Kunkreu elsendon por Muzaiko!

Volontuloj de Muzaiko (Julia Noe, Veronika Poór, Rafael Henrique Zerbetto kaj aliaj)

Muzaiko (www.muzaiko.info) estas tuttempa tutmonda tutmojosa tutesperanta retradio-kanalo, kiu ludas por vi 24 horojn en diurno muzikon, programerojn, novaĵojn, informojn, raportojn, arkivaĵojn kaj multe pli! Ĉu vi havas ion por diri al la tuta mondo? Jen ebleco por vi tion fari. Dum la sesio jam spertaj kontribuantoj de Muzaiko helpos vin lerni kiel – de la registrado ĝis la alŝutado de la preta elsendo. Oni eĉ kreos veran elsendon, laŭtlegante tekstojn. Venu por spertiĝi kaj krei! Se eblas, kunportu al la sesio komputilon kaj kapaŭskultilon, kaj, se vi havas, mikrofonon aŭ sonregistrilon.

*10h45-12h15, Dao Anh Kha*

### Tradukado multlingva

Brian Moon

Ĉar ni ne uzas nian lingvon en glora izoliĝo disde la cetera mondo, ĉiu uzanto de Esperanto pli-malpli ofte konfrontiĝas kun problemoj de tradukado inter Esperanto kaj naciaj lingvoj. Por reliefigi la interlingvajn problemojn el iom alia perspektivo, mi proponas konsideri la situacion en multlingvaj organizaĵoj kiel Eŭropa Unio.

Surbaze de praktika tradukado de specimena teksto jam ekzistanta en diversaj lingvoj, inkluzive de la islanda, ni iom esploros la avantaĝojn kaj la problemojn de Esperanto en tiu ĉi kampo.

*10h45-12h15, Broadribb*

**Ni konservu nian historion: problemoj de Esperantaj bibliotekoj kaj arkivoj**
Detlev Blanke kaj Roland Rotsaert

La aranĝo prezentos kaj diskutigos la aktualan situacion de Esperantaj bibliotekoj kaj arkivoj (kolektoj), substrekos la rolon de la reto, kaj mencios kelkajn statusajn (i.a.jurajn) aspektojn, kiuj influas la perspektivojn de la kolektoj.

*10h45-12h15, Beleva*

**Esperanto kaj Interreto: kiel ilin kune uzi pli efike**
Peter Baláž kaj Jevgenij Gaus

Baza prikomputila instruado kun la fokusiĝo al Esperanto – prezento de retaj aktivecoj aŭ programoj, kiuj utilas por E-istoj: kiel pli efike serĉi informojn en la reto; kiel tajpi ĉapellitere; kie kaj kiel serĉi E-enhavon; kaj aliaj bazaj scioj, utilegaj por e-istoj.

La sesio taŭgas por ne-spertaj uzantoj de komputiloj aŭ/kaj de la reto. Se eble kunportu propran komputilon.

*10h45-12h15, Bormann*

**Bona IDEO: realigo de Grundtvig-projekto**
Mirejo Grosjean kaj Claude Nourmont

Dum du jaroj kvar Esperanto-asocioj el malsamaj landoj (Francio, Germanio, Katalunio, Svislando) partoprenis en Grundtvig-projekto subvenciita de eŭropaj instancoj laŭ la temo: Interkultura edukado, defio por diverseca Eŭropo (IDEO). Tiu ĉi sesio prezentos la diversajn etapojn de la projekto kaj ĝian rezulton: la retpaĝaro www.noos.ch/ideo . Oni ankaŭ diskutos pri la diversaj problemoj kiujn oni renkontas en tiaj projektoj.

*10h45-12h15, Hirsch*

## TRIA BLOKO 12h30-14h00

**Klerigaj ludoj en Kleriga Lundo**
Ana Montesinos

Ĉu lernado devas esti enuiga kaj seka? Kompreneble, tute ne. Sed se oni ĝin ĝuas, multe pli bone, ĉu ne?

Do, se via vortprovizo iomete rutinas, vi ankoraŭ timas paroli, frazoj ne tre facile fluas, aŭ tute simple vi volas praktiki Esperanton per historietoj ktp, kuraĝu kaj venu, ĝuu – kaj jes, ankaŭ lernu – kune kun ni per la “Klerigaj ludoj en Kleriga Lundo”.

*12h30-14h00, Dao Anh Kha*

**“Ĉu mi bone komprenas vin?” Konsiloj por klare kaj efike komuniki en Esperanto**
Kristin Tytgat

Sukcese komuniki kun ĉiuj esperantistoj de la mondo ne estas facila tasko, eĉ se ni ĉiuj parolas unu komunan lingvon.

Ĉar la alia persono en la konversacio eble venas el por vi tute ne konata kulturo, li aŭ ŝi povas reagi strange al via mesaĝo kaj povas kompreni vin en tute alia maniero.

Dum tiu ĉi sesio ni uzos konkretajn ekzemplojn kaj provos trovi kelkajn ĝeneralajn konsilojn, kiuj helpos pli klare kaj efike komuniki.

*12h30-14h00, Broadribb*

**FACILA: En la spuroj de Tibor Sekelj: de Nepalo al Akonkagvo**
Amri Wandel

Perbilda facila prelego pri kelkaj el la vojaĝoj de Amri Wandel (Nepalo, Kilimanĵaro kaj laste Akonkagvo), laŭ la spuroj de Tibor Sekelj, la plej fama esperantista vojaĝanto. Grimpante la plej altan monton en Ameriko, la preleganto sekvis la faman libron de Sekelj, *Tempesto super Akonkagvo*.

*12h30-14h00, Beleva*

**Malkovru la novan lernu.net**
Erin Piateski

lernu! ekzistas jam pli ol 10 jaroj. Kun 150 000 registritaj uzantoj kaj 150 000-200 0000 vizitantoj ĉiumonate, lernu! estas la plej efika varbilo por Esperanto. Dum la tuta ekzisto lernu! unu fojon estis renovigita teknike kaj aspekte, kaj nun venas tempo por ankoraŭ unu renovigo. Ĉi-foje ĝi estos ege profunda kaj plene ŝanĝos kaj la enhavon kaj la teknikan flankon de la projekto. La preparoj de la nova versio jam venas al la fino kaj la projekto bezonas helpon de multaj personoj. Dum la prezento oni ekscios pri la venantaj ŝanĝoj, konatiĝos kun la nova enhavo, kaj ekscios pri la kunlabor-ebloj.

*12h30-14h00, Bormann*

**Kiel popularigi la Esperanto-literaturon**
Michela Lipari, Humphrey Tonkin, HORI Jasuo, Veronika Poór, USUI Hiroyuki, Paul Gubbins…

Ni ĉiuj fieras pri la diverseco de verkoj en Esperanto kaj la multeco de libroj, kiuj aperas en nia lingvo. Tiuj libroj vendiĝas, eĉ se malgrandkvante. Sed kiu fakte legas Esperanto-literaturon? Kaj ĝis kiu grado ekzistas komunumo de legantoj, kiuj interŝanĝas siajn opiniojn pri la enhavo kaj kvalito de nia literaturo? Sen tiu vigla komuna kulturo, literaturo apenaŭ povas vivteni sin. Kion fari por intensigi la legadon de nia literaturo, la interŝanĝon de opinioj kaj ideoj pri ĝi, kaj la moralan subtenon al niaj verkistoj?

*12h30-14h00, Hirsch*

## Aŭtoraj Duonhoroj (en la libroservo, salono Laŭlum)

### Nikolao Gudskov



Mi estas relative malnova (ekde 1982) esperantisto, kaj iama sciencisto, kiu sentas mankon de la scienc-populara komponanto en la Esperanto-kulturo kaj penas laŭ miaj malgrandaj fortoj ŝtopi tiun ĉi truon. Mi rakontos pri du miaj lastaj scienc-popularaj libroj: *Origino de la vivo sur la Tero* kaj *Kiel la homo ekis pensi*. *Eseoj pri la helena filozofio* kaj, krome, parolos pri ĝeneralaj konsideroj pri la scienc-populara literaturo en nia lingvo.

***Lundo 15h00-15h30***

### Nicola Ruggiero



Italo, naskiĝis en 1986 en Mola di Bari, Apulio, suda Italio, nuntempe loĝanta en Rejkjaviko. Publikigis *La Taglibro de Nenifaranto*, poemaron, kaj "La ĉerizarboj de Lucullo", eseon en *La lingvo serena*, plenverkaro de Baldur Ragnarsson. Prelegis pri *La Infana Raso* kaj pluraj Esperantaj autoroj dum multaj E-renkontiĝoj. Plukredas loĝi en mis-tero.

***Lundo 15h30-16h00***

### Roman Dobrzyński



Roman Dobrzyński naskiĝis okaze de la 50-jara jubileo de Esperanto. Li intence elektis kiel sian naskiĝlokon Varsovion, ĉar en tiu urbo samjare okazis Universala Kongreso de Esperanto. Li naskiĝis kun la celo kunorganizi en la sama urbo 50 jarojn pli malfrue la Universalan Kongreson okaze de la 100-jara jubileo de Esperanto. Li komencis lerni la lingvon internacian en la jaro 1955, ĉar la strategia plano de UEA antaŭvidis nomi lin sia honora membro pro lia 50-jara esperantisteco. Nun lia celo estas ĝisvivi la jubilean 100-an Universalan Kongreson de Esperanto en Lille.

***Lundo 16h00-16h30***

**Kongresanoj atentu:**
Estas strikte malpermesite glui afiŝojn sur la muroj kaj pordoj de la kongresejo!

### Anna Löwenstein



"Ĉu vi bonvolus verki rakonton, kiu taŭgus kiel baza Esperanto-kurso laŭ la nivelo A de la sistemo KER? Ho, kaj cetere, la rakonto estu ankaŭ interesa." Jen la peto, kiun mi ricevis pasintan jaron de la reta Esperanto-lernejo *lernu.net*. Kia defio! Plurfoje dum la verkado mi pensis senespere, ke mi akceptis neplenumeblan taskon. Sed intertempe la rakonto estas finverkita. Dum la aŭtora duonhoro mi esperas pruvi al la mondo, ke eblas malfermi rakonton per atentokapta unua ĉapitro, uzante nur la gramatikajn finaĵojn *-o*, *-a*, kaj *-as*.

***Lundo 16h30-17h00***

### *Ĉu vi iru bicikle?*




Legante pri la Rejkjavikaj hoteloj en la Dua Bulteno (paĝoj 5 ĝis 7), vi kredeble rimarkis ke neniu el ili estas tuj apud la kongresejo, sed ke ĉiuj troviĝas inter 10 kaj 25 minutojn piede de ĝi. Por tiuj kiuj ŝatus pli rapide pendoli per biciklo, tamen, kaj eble promeni iom du-rade, montriĝas ke estas alte taksata bicikla luejo (http://tinyurl.com/nk9q82o, anglalingva) en la proksimeco de Harpa: Bike Company, 2 Bankastræti, tel. 665-5600, rete: info@bikecompany.is, www.bikecompany.is. Diverstipaj modeloj disponeblas, same kiel taga kaj tutsemajna tarifoj.

### Kvankam "Q" ne ekzistas…

… en la Esperanta alfabeto, la UK tamen denove provizas la kongresanojn per "QR"-kodaĵojn kiel tiu ĉi dekstre, per kiuj kongresanoj kun porteblaj telefonoj ekipitaj per QR-legiloj povos havi la Kongresan Kurieron en siaj telefonoj. Skanu tiun ĉi kodaĵon por la hodiaŭa numero (aliajn poste dum la semajno por la sekvaj), kaj vi ricevos ligilon al retpaĝo kie estas la Kongresa Kuriero, kiun vi povas legi kaj elŝuti al via telefono. Memoru tamen esti tre zorgema pri la kostoj por uzi Interreton ekster via hejmlando, kiuj povas esti tre altaj.






KONGRESA KURIERO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Aŭroro

Lundo, 22 julio 2013 N-ro 2

## Mark Fettes elektita kiel nova prezidanto de UEA

Gazetara Komuniko de UEA n-ro 506

Prof. d-ro Mark Fettes el Kanado estis elektita kiel la nova prezidanto de Universala Esperanto-Asocio en la unua kunsido de la Komitato en Rejkjaviko sabaton, la 20-an de julio. Fettes transprenas la prezidan stafeton de Probal Dasgupta, kiu gvidis la Asocio dum du oficperiodoj ekde 2007.

La kunsidon partoprenis 44 komitatanoj aŭ iliaj anstataŭantoj kaj 2 observantoj. Komence ĉeestis nur la komitatanoj A kaj B, kiuj alektis al la supera organo de la Asocio kvin komitatanojn C. Elektitaj estis Zsófia Kóródy (35 voĉoj), Julián Hernández Angulo (30), Jean Codjo kaj Stefano Keller (po 24), kaj Orlando E. Raola (21). Ne elektiĝis Marcel Delforge kaj Josep Franquesa Solé (po 17), kaj Johan Derks (9).

Poste la Komitato diskutis pri la nombro de elektotaj estraranoj kaj aŭdis sinprezentojn de la kandidatoj. Per plimulto de voĉoj oni akceptis la proponon de la Elekta Komisiono, ke la Estraro konsistu el sep membroj. Origine estis dek kandidatoj, el kiuj Johan Derks forfalis pro sia neelekto kiel komitatano. En la voĉdonado sukcesis Mark Fettes (43 voĉoj), Stefan MacGill (37), José Antonio Vergara (35), Lee Jung-kee (34), Martin Schäffer (33), Stefano Keller (30), kaj Barbara Pietrzak (24). Krome, Orlando Raola ricevis 23 kaj Amri Wandel 21 voĉojn.

La Estraro estas preskaŭ tute nova: nur Stefano Keller kaj Barbara Pietrzak membris ankaŭ dum la antaŭa oficperiodo. Du novelektitoj havas tamen antaŭan sperton pri la laboro en la Estraro: Mark Fettes estis ĝia membro 1992-1998 kaj José Antonio Vergara 2007-2010. La nova Estraro ekoficos lundon, la 22-an de julio, post la akcepto de la Estrara Raporto pri la jaro 2012. Tuj post sia elekto ĝi tamen jam havis mallongan kunsidon por fari proponon al la Komitato pri la prezidanto, la vicprezidanto kaj la ĝenerala sekretario: respektive Mark Fettes, Stefan MacGill kaj Martin Schäffer. Tiun proponon la Komitato akceptis unuanime. Pri la cetera taskodivido la nova Estraro decidos poste dum la kongresa semajno.

En la unua kunsido de la Komitato prezidis Probal Dasgupta – krom ĉe la elektado de komitatanoj C kaj estraranoj, kiam prezidis la kunordiganto de la Elekta Komisiono, d-ro Ulrich Lins.

La Komitato elektis ankaŭ tri novajn Honorajn Membrojn de UEA: Roland Lindblom el Svedio, Biruta Rozenfelde el Latvio, kaj Hallgrimur Sæmundsson el Islando, kiu malfeliĉe forpasis unu monaton antaŭ la UK.

### Ĉu estas eraro…

…en via nomo aŭ adreso en la listo de kongresanoj en la Kongresa Libro. Se jes, bonvolu raporti ĝin al la CO tiel ke viaj datenoj povu esti korektitaj. Dankon.

### Temas pri Manŭel

La artista nomo de Emanuele Rovere, kiu koncertos en ĵaŭdo de 15h30 ĝis 16h30 en salono Lapenna, estas “Manŭel”. Vi maltrafis tiun nomon sur paĝo 58 de la Kongresa Libro kaj en ĝiaj programaj paĝoj, sed vi ne maltrafis ĝin nun!

### Kio estas aikido?

Se paroloj iom plu pri la Kongresa Libro: eĉ post la klarigoj pri AIKIDO sur paĝo 56, vi verŝajne ankoraŭ ne bone scias precize kio tio estas – krom se vi jam antaŭe havis sperton pri ĝi, kompreneble. Ĉiuokaze parolos pri la temo Mireille Grosjean (KN 270), ĵaŭdon 12h45-13h45 en salono Beleva. Krom esti mem “nigra zono” de aikido, ŝi detale esploris en Japanio pri la interesaj rilatoj inter ĝi, Oomoto kaj Esperanto. Venu kaj sciu pli bone.

# Tago de la Lernejo

*mardo la 23-a de julio 2013,*
*11h00-16h00, salono Bormann*

## Temo: Edukado por justa komunikado

11h00 **Salutoj**
Prezidantoj de UEA kaj ILEI

11h15 **Edukaj perspektivoj en la Strategia Vizio**
*Stefan MacGill (*Hungario)

11h35 **Kio estas justa komunikado?**
*Mireille Grosjean* (Svislando)

12h00 **Ĉu egalajn rajtojn kaj eblojn por ĉiuj je ekzameniĝo pri Esperanto?**
*Katalin Kovats* (Nederlando)

12h20 **Aldone al Stano Marček: instruado per projekciaĵoj**
*Anna Lowenstein* (Italio)

12h40 *Zsófia Kóródy* (Germanio) **Per eŭropaj projektoj por justa komunikado**

13h05 **Notetoj pri la ĉefa temo el la vidpunkto de la Nitobe-simpozio**
*Otto Prytz* (Norvegio)

13h25 Paŭzo

13h40 **Lingva situacio en bruselaj lernejoj**
*Kristin Tytgat* (Belgio)

14h00 **Esperanto-urbo Herzberg am Harz – loko de multnacia, multkultura loĝantaro**
*Peter Zilvar* (Germanio)

14h20 **"Strategia" kaj praktika plano, por informi pri Esperanto en la lernejojn, laŭ la ĝisnunaj kaj estontaj eblecoj de la francaj edukaj programoj**
*Michel Dechy* (Francio)

14h40 **Lernado de Esperanto en mara afrika ĉefurbo**
*Paola Birgit Giommoni* (Italio)

15h00 **"Avantaĝo" de E-instruado: en EU-parlamento jam antaŭ deko da jaroj**
*Marija Belošević* (Kroatio)

15h20 **Infektaj malsanoj en nia lingvouzo**
*Rob Moerbeek* (Nederlando)

15h40 **Ferma diskuto**

16h00 **Eliro**

## Grava atentigo pri ekskursoj

Ni memorigas la partoprenantojn de la ekskursoj ke iliaj ekiraj horoj estas tiuj notitaj sur la biletoj. Kiel notita sur paĝo 11 de la Dua Bulteno, kaze de malsamaj ekiraj horoj inter tiuj notitaj sur la biletoj kaj tiuj en la Dua Bulteno, ĉiam validas la horoj sur la biletoj.

## Ateistoj invitas

ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo) gastigos eksteran parolanton ĉe sia publika kunveno: tiu estos Hope Knútsson, fondinto kaj prezidanto de Siðmennt, Islanda Etika Humanisma Asocio. Dum la kunveno ŝi prezentos la laboron de Siðmennt, kaj precipe ĝian tre sukcesan programon de laikaj konfirmacioj. La kunveno kun Hope okazos mardon, 15h30-16h45 en salono Broadribb. Interesatoj bonvolu alveni pli frue, je la 15h00, por ĉeesti ankaŭ la administran parton de la programo.

**Anna Lowenstein, KN 413**

## Alia invito

TADEN (nefumantoj) bonvenigas vin al sia kunsido, mardon je la 16h15 en salono Lapenna. Bonvolu cetere noti ke ĝia retpoŝta adreso ŝanĝiĝis: vidu tiun kiu aperis en Jarlibro 2013. Ĝi nun estas: <moerbeekr@gmail.com>.

**Rob Moerbeek, KN 51**

## Alia neekzistanta E-litero

Ralph Schmeits skribas el la CO de UEA, leginte la unuan numeron de *Aŭroro*, ke li atendus, ĉe la anonco pri la nova konkurso por "Foto de la Tago" (vidu, denove, http://www.flickr.com/groups/98-a_uk, cetere pardonu ke gajninta foto ne aperis jam hodiaŭ), "yahoo-konton" aŭ "jahu-konton", sed ne "yahu-konton". Prave. Li tamen fine vidis tion kiel aŭguron pri la *Q* sur la lasta paĝo. Ni provos eviti ke ankaŭ *W* kaj *X* enŝteliĝu en la restantaj numeroj de la Kuriero.

## Kunveno de la fervojistoj

Dimanĉon je la 15-a horo okazis kontaktkunveno de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio). Dek kvin homoj el ok landoj ĉeestis. La vicprezidantino, s-ino Sylviane Lafargue, post salutvortoj nome de la prezidantino s-ino Rodica Todor, bonvenigis la partoprenantojn kaj raportis pri la lasta IFEF-kongreso, okazinta en Francio en majo 2013. Post klarigoj pri la venonta kongreso en San Benedetto del Tronto (Italio), komenciĝis diskuto pri manieroj plibonigi kontaktojn kun fervojistoj kaj gejunuloj.

**Sylviane Lafargue, KN 828**

## Marda IKU-prelega interŝanĝo

En mardo, la 23-a de julio, la IKU-prelego 6, de Geoffrey Greatrex, okazos 10h45-11h45. La IKU-prelego 5, de Jouko Lindstedt, okazos 17h00-18h00. Ambaŭ estos en salono Hirsch.

## UEA-prezidinto festas

Grégoire Maertens el Belgio, KN 10 kaj iama prezidanto de UEA, ne ĉeestas la UK-on, kvankam li havas tre bonajn memorojn pri la antaŭa islanda UK. Preskaŭ samtempe kun la Solena Inaŭguro, li kaj lia edzino estis festantaj la 65-an datrevenon de sia geedziĝo. Gratulon al ili!

**Roland Rotsaert, KN 131**

## Ne nur en Kopenhago li UK-poemetas

*Same kiel la atingoj*
*Fare brave de l'vikingoj,*
*Venis ni al Rejkjaviko,*
*Dank' al nia Ludoviko!*

**Ŝin Kiro, anonima kongresano**

## Novaj aliĝoj

1013 **S-ino Chantal Latapie,** Francio
1014 **S-ro Michael Cwik,** Belgio
1015 **S-ro Mathew Rankin,** Kanado
1016 **S-ro Kimio Nishimori,** Japanio
1017 **S-ino Shiqueco Takahashi,** Brazilo
1018 **S-ro Luiz Fernando Puhl,** Brazilo
1019 **S-ro Hiroshi Ashikari,** Japanio
1020 **S-ino Suzanne Roy,** Kanado
1021 **S-ro Carlo Masella,** Italio
1022 **S-ro Masanori Fukuda,** Japanio
1023 **S-ino Natalia Celaritskaja,** Rusio
1024 **S-ro Kim J. Henriksen,** Danio
1025 **S-ino Barbara Brandenburg,** Rusio
1026 **S-ino Elizabeth Stanley,** Britio
1027 **S-ino Rosemary Stanley,** Luksemburgo
1028 **S-ro Gerrit Berveling,** Nederlando
1029 **S-ino Madzy van der Kooij,** Nederlando
1030 **S-ino Gunborg Stenström,** Svedio
1031 **S-ino Edith Marianne Borchert**, Germanio
1032 **S-ino Erin Piateski,** Usono
1033 **S-ino Elza Fernandes Pereira,** Brazilo
1034 **S-ino Sigrid Sjöstrand,** Finland

## MESAĜO DE LOUIS C. ZALESKI-ZAMENHOF AL LA 98-A UK EN REJKJAVIKO

*Estimata Sinjoro Prezidanto;*
*Estimataj Honoraj Gastoj,*
*Estmataj kaj karaj Geamikoj,*

alvenintaj kongresi en Islando, tiu belega kaj varma insulo, eĉ se ĝia nomo signifas “insulo de glacio”! Ĉu tien alveninte vi sentas vin izolitaj? Ĉu “insulo” daŭre signifas “izolecon”? Certe, la etimologio de tiuj du vortoj ŝajnas simila; ankoraŭ pli simila en naciaj lingvoj, ekzemple en la itala, en kiu insulo estas “isola”.

Fakte, historie, la insulanoj ĝuis – aŭ suferis – sian izolecon. Tamen, hodiaŭ tio ne plu estas vero. Alveninte al Rejkjaviko el proksimaj kaj malproksimaj kontinentoj aŭ el aliaj insuloj, laŭ maro aŭ tra aero, vi ne plu sentis, ke insulo signifus izolecon. Ĝuste, la maro ne plu dividas, sed ligas insulojn inter si kaj ligas ilin al kontinentoj; transportoj plej ampleksaj pli facile trafluas marojn ol vojaĝus laŭ tero. Kreskas tra la maro pontoj longaj de multaj kilometroj, aperas submaraj tuneloj. Krome oni kreas hodiaŭ sur la marfundo konstruaĵojn pli larĝajn kaj pli altajn ol ie ajn sur la tero; tial maro inter insuloj ne plu similas al dezerto!

Finfine, vi venis kongresi sur insulo ne por izoliĝi, sed por substreki proksimecon inter vi ĉiuj, proksimecon, kiu, sekve al niaj ideoj, kreas inter ni unu grandan rondon familian.

Louis C. Zaleski-Zamenhof

## Aŭtoraj Duonhoroj
## (en la libroservo, salono Laŭlum)

### Paul Gubbins



Tomatojn kaj ovojn putriĝintajn atendos Paul Gubbins (KN 309) dum sia aŭtora duonhoro. Evidente... ĉar li prezentos i.a. nur duone Esperantan libron. Misilojn mucidajn do li meritas... aŭ ĉu? Lia dulingva angla/Esperanta antologio *Star in a Night Sky* (Stelo en nokta ĉielo) servas ne nur kiel baza legolibro sed ankaŭ kiel propagandilo por la internacia lingvo. Paul – ĉefredaktoro de *Monato*, dramverkisto, kaj membro de la Akademio de Esperanto – parolos pri la genezo de la antologio kaj pri la paŝoj al ties realigo.

***Mardo 10h30-11h00***

### Michela Lipari: Itala duonhoro



*Eugenio Montale kaj aliaj liguriaj aŭtoroj.* Itala Esperanto-Federacio decidis pasintjare eldoni esperantlingvan antologion de italaj verkistoj de la regiono en kiu ĝi kongresas. Pro tio pasintjare aperis la antologio *Luigi Pirandello kaj aliaj siciliaj aŭtoroj*. Ĉi-jare la itala kongreso okazos apud Sanremo, en la regiono Ligurio, kaj Carlo Minnaja kunlabore kun aliaj konataj italaj esperantistoj kunmetis tiun ĉi novan kolekton, ekde la Nobelpremiito Eugenio Montale, tra la prozisto Italo Calvino, ĝis la plej fama kanzonisto Fabrizio De Andrè.

*Gabriele D'Annunzio – Antologio.* Ĉi-jare en Italio oni diversloke memorigas pri la centjariĝo de la naskiĝo de tiu ĉi fama verkisto. Akceptante defion de la esperantistoj el Pescara (naskiĝurbo de la poeto) Carlo Minnaja sukcesis kunmeti antologion kun tradukoj kiuj revuas la poezian, prozan kaj teatran talenton de tiu malfacila itala personeco.

*La Projekto* de M. Miconi, trad. D. Astori. Juna studento renkontiĝas iun tagon kun stranga personeco kaj iom post iom kaptiĝas en misteran kaj fascinoplenan mondon. Ĉu sonĝo, koŝmaro aŭ realo?

Kial mi ilin prezentas? Mi kunlaboris diversmaniere al la realigo de ĉiuj, per tradukado, kontrolado de presprovaĵoj, redaktado k.a.

***Mardo 16h00-16h30***

### Probal Dasgupta, Spomenka Štimec k.a.: La mirinda aventuro de kroata infanlibro



En la jaro 2005 Probal Dasgupta ekkunlaboris kun Kroata Esperanto-Ligo pri tradukprojekto de kroata infanlibro. La projekto vivas ĝis hodiaŭ: kuraĝigite de la laboro de Probal, post Hinda Unio, pluraj aziaj landoj aliĝis al la projekto: en 2013 ankaŭ Sud-Koreio aliĝis, post Japanio, Irano, Ĉinio kaj Vjetnamio. Ĉi-jare en la korea urbo Pusan aperis la korea traduko de la sama libro, *Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapic*, prizorgita de la tradukisto, Ombro (JANG Jeong-Ryeol). Per tiu ĉi projekto unu kroata infanlibro estis tradukita al ses aziaj lingvoj kaj tiel per Esperanto fariĝis teorie alirebla por du miliardoj da homoj. En la historio de nia kulturo, ne ekzistis simile ampleksa projekto en kiu Azio per Esperanto kiel lingva ponto ligiĝas al Eŭropo en la kampo de infanliteraturo. Spomenka Štimec prezentos la tradukprojekton ĉe kies pinto staris Probal Dasgupta. En la prezento kuniĝos pluraj kunlaborantoj el Azio.



***Mardo 16h45-17h15***

### Pli ol cent ĉeestis Ekumenan Diservon

Tradicia dimanĉa evento, la Ekumena Diservo ĉi-jare altiris pli ol cent kristanojn, sed ne nur ilin: por la unua fojo aliĝis ankaŭ bahaanoj. Post saluto de la direktoro de la katedralo, la servon gvidis nome de IKUE pastro Bernard Einchkorn kaj nome de KELI pastoro Gerrit Berveling, kiu predikis. Kiel bazo estis prenitaj tekstoj el la libreto por la Preĝsemajno por unueco de kristanoj, ĝuste pri la konstruo de la Babel-turo. La ĉeestintoj estis vokataj pripensi jenajn demandojn: Kie, ene de la pluraj diferencoj kiuj disigas nin, ni praktikas veran konversacion? Ĉu nia konversacio estas direktita al iu granda projekto de nia propra intereso, aŭ al la nova vivo kiu alportas esperon? Kun kiuj homoj ni konversacias kaj kiu ne estas inkludigita en niaj konversacioj? Kial?

**Marija Belošević, KN 995**

### Raportu vi!

Bv. liveri kontribuojn por *Aŭroro* ĉe la UEA-giĉeto, venigi al la Kuriera ĉambro sur la 4-a nivelo, aŭ sendi al <roymccoy.nl@gmail.com>. Dankon kaj ĝis.






KONGRESA KURIERO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Aŭroro

Mardo, 23 julio 2013 N-ro 3

## KER-ekzamenoj

Novaj UEA-ekzamenoj, konstruitaj laŭ la aŭtoritata t.n. Eŭropa Referenckadro, funkcias ekde decembro 2008. Ĝis nun trapasis ilin 1 296 personoj el 60 landoj. Al la 36-a ekzamensesio, okazanta dum la kongreso en Rejkjaviko, ankoraŭ eblas aliĝi dum la semajno. La ekzamenoj okazas en du niveloj: B2 (meza) kaj C1 (supera). Ili konsistas el skriba kaj parola partoj, trapaseblaj ankaŭ aparte en diversaj ekzamenperiodoj. La ekzamenoj testas nur lingvajn konojn kaj kapablojn, kaj ne entenas movadajn aŭ kulturajn informojn. La ĉefa ekzamentago estos vendredo, la 26-a de julio. Ĵaŭdon, kadre de la meznivelaj paroligaj kursoj de edukado.net, inter la 9h00 kaj 10h30 okazos informado kaj ekzercado por la ekzamenoj. Tuj post tiu sesio finiĝos la aliĝeblo al la sekvataga sesio.

| Nivelo | Tipo | Horo por la 26-a de julio, vendredo | Loko |
|---|---|---|---|
| B2 | Laboratoria | 13:00-13:40 | Dao Anh Kha |
| | Skriba | 14:00-17:00 | Dao Anh Kha |
| C1 | Laboratoria | 12:00–12:40 | Dao Anh Kha |
| | Skriba | 14:00-18:00 | Dao Anh Kha |

Por la antaŭkomisionaj parolaj partoj necesas persone rezervi lokon ĉe Katalin Kovats (KN 718).

## Popularigi nian literaturon

Sub la ŝildo “Kiel popularigi la Esperanto-literaturon” sesdeko da homoj kunsidis lundon enkadre de la Kleriga Lundo kaj konatiĝis kun interesaj novaj proponoj por popularigi literaturon.

Unue Veronika Poór prezentis novan iniciaton de TEJO: libro-klubon, en kies retejo interesataj legintoj komentas verkon kaj interŝanĝas ideojn kaj kritikojn, do iasence vigle recenzas la legitajn librojn.

Sekvis Hori Yasuo kiu ilustris la jam vaste konatan iniciaton “Sumoo”, per kiu ĉiun neparan monaton li stimulas esperantistojn sin devontigi legi ĉiun tagon antaŭfiksitan nombron da paĝoj de libro elektita de ili.

Trie Usui Hiroyuki, japano nun loĝanta en Ĉinio, prezentis du proponojn por popularigi la esperantlingvan literaturon: traduki ĝin nacilingve, por ke ankaŭ neesperantistoj povu ĝui kaj aprezi ĝin; kaj instruante en baza kurso, utiligi poemon, ekzemple “Ho, mia kor’!”, por aktorvigle mimi ĝin kaj instrui amuze la lingvon.

La dua parto de la seminario konsistis el podia diskuto lanĉita de Humphrey Tonkin kaj Paul Gubbins pri la ekzisto de komunumo de legantoj, kiuj efektive interŝanĝas opiniojn pri la kvalito de nia literaturo. Ekestis vigla kaj interesa debato, al kiu kontribuis pluraj ĉeestantoj, pri la neceso ke verkoj estu en bona normala lingvo, ke oni stimulu legadon ne nur de gravaj verkoj sed ankaŭ de pli populara literaturo, ke en la libroservo estu laŭeble spertaj konsilantoj por helpi la novulojn elekti librojn taŭgajn por ili.

Fine venis la ideo elekti libron kiun dum la jaro pluraj homoj legu, kaj dum posta kongreso okazu seminario por priparoli ĝin laŭ ĉiuj eblaj aspektoj. Por elekti tiun libron, oni invitas la interesatojn mesaĝi al <michela.lipari@tiscali.it> proponojn ĝis la 31-a de oktobro ĉi-jara.

**Michela Lipari, KN 225**

## Grundtvig-projektoj de EU

Reprezentantoj de diversaj i.a. junularaj organizaĵoj (NEJ, JEFO, PEJ, EAS, Eurokka, F-EDE, BES, TEA, GEV, Asorti) estas invititaj al neformala kunveno por plani la venontajn ŝtupojn por la du EU-projektoj pri aktivula trejnado, kiuj ricevis aprobon por preskaŭ €200,000 sume. Estos renkontiĝo ĵaŭdon je la 10h00, ĉe la sofoj flanke de la ŝtuparo inter la unua kaj dua etaĝoj. Reprezentantoj de aliaj organizaĵoj povos partopreni laŭ la disponebla spaco. Ankaŭ unuaj informoj pri la nova EU-programo “Erasmus+” de 2014-2020 estos diskutitaj dum la kunveno.

**Francesco Maurelli, KN 111**

## Oratora Konkurso

La Oratora Konkurso por gejunuloj ĝis-30-jaraj okazos ĵaŭdon je la 15h00 en salono Hirsch. Vidu paĝon 45 de la Kongresa Libro por detaloj.

## Invito de IKUE al la katolika katedralo

"Faka" vizito al la katolika katedralo de Rejkjaviko estas organizita de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE). Tamen, partopreno ne estas limigita al IKUE-anoj, sed oni bonvenigas ĉiujn kiuj interesiĝas. Dum la ĉirkaŭ 40-minuta vizito okazos faka gvidado. Interesatoj bv. kolektiĝi antaŭ la enirejo de la kongresejo ĵaŭdon, la 25-an de julio je la 10h30. La katedralo estas je ĉirkaŭ 20-minuta distanco piede. Eblas ankaŭ simple aperi je la 10h55 antaŭ la katedralo en la strato Túngata, vid-al-vide de la hospitalo.

**Marija Belošević, KN 995**

## Skota aŭ Skolta?

En la Kongresa Libro aperas informoj pri "Skolta kaj Tutkelta Kongreso". La origina formo estis tamen "Skota kaj Tutkelta Kongreso", por prezenti la venontjaran 109-an Skotan E-Kongreson, kune kun la 1-a Tutkelta Kongreso. Se vi interesiĝas pri skoltoj, ne hezitu partopreni (estas skolta domo ne for de nia kongresejo). Ne maltrafu la kunvenon ĵaŭdon je 16h45 en salono Broadribb. Estos surprizoj por vi!

**Francesco Maurelli, KN 111**

## Spiritismo – La Tria Dia Revelacio

Jen la titolo de prelego prezentota de la brazilano João Silva dos Santos dum la kunveno de Spiritisma Asocio F.V. Lorenz, ĵaŭdon je la 14h00 en salono Beleva.

## Ĝemelaj Urboj

Hodiau, la 23-a de julio,17h00-18h00 en la salono Broadribb okazos la kunveno de Ĝemelaj Urboj. La projekto bonvenigas vin al la kunveno.

**Wu Guojiang, komisiito pri Ĝemelaj Urboj**

## Ĉu Foto de la Tago?

Neniu kongresa foto estas premiita kiel Foto de la Tago laŭ la anonco en *Aŭroro* n-ro 1, pro manko de senditaj konkursaĵoj. Se vi metas iu(j)n en la virtualan galerion de la kongreso (denove: http://www.flickr.com/groups/98-a_uk), via ŝanco gajni do estas supozeble bona. Sed vi povas partopreni per UK-fotoj en ankoraŭ alia foto-konkurso, nome "UK tra Mia Lenso" de la Esperanto-Redakcio de Ĉina Radio Internacia (ĈRI). Estas pluraj interesaj premioj en tiu konkurso: kaligrafaĵo kaj tradicia pentraĵo de Ĉinio (por la 10 fotoserioj kun la plej bona ideo), kaj poŝtkartoj kun belaj bildoj de ĉina kulturo por la 10 plej ŝatataj serioj. Por detaloj pri kondiĉoj ktp, kontrolu la informojn ĉe http://esperanto.cri.cn/802/2013/06/27/165s151192.htm.

## Parolu al aŭskultanto

Nova komitatano B Dennis Keefe (KN 1011) sendis la jenan resumon al la diskutgrupo <uea-membroj> la 17-an de julio: "Post mia danko al UEA-membroj kiuj voĉdonis por mi, mi klarigas, ke mi venas al la UK en Islando speciale por AŬSKULTI la opiniojn kaj ideojn de la individuaj membroj. Mi faros tion laŭ la permeso de la estroj de la Kongreso, ĉu ĉe-table, ĉu ĉe-kafeje. Aŭskultado ne estas monopolo de B-anoj, kaj eble aliaj membroj volos iel helpi. Mi volus demandi pri kial UEA-anoj venis al la Kongreso, kial ili iĝis membroj de UEA, kaj kial ili eklernis Esperanton. Ĉu parole, ĉu skribe, ĉu registri aŭ ne, semajno de aŭskultado okazos, ĉu ne? Mi invitas al vi, kara individua membro, partopreni la aŭskultadon." La propono ja estis oficiale akceptita, kaj la sola demando estis kie komitatano Keefe faru sian aŭskultadon. Fine (kaj ne surprize) oni trovis ke ne ekzistas pli ideala loko por tia kaj ĉia babilado ol la kafejo mem de la kongresejo. Vi povas do trovi Dennis tie por atenti viajn UEA-koncernojn.

## Saluto el la Esperanto-urbo



Estimataj aŭtoritatoj de Islando kaj de la urbo Rejkjaviko,
Estimataj Prezidanto kaj Estraro de UEA,
Tre karaj gekongresanoj,

Herzberg am Harz, en Germanio, fieras esti la unua urbo en la mondo kun la kromnomo "la Esperanto-urbo". Estas tial normale, ke Herzberg hodiaŭ spirite staras flank-ĉe-flanke apud vi, kiuj venis el ĉiuj kontinentoj por memorigi al la homaro ke la demando pri interpersona kompreniĝo jam estis solvita antaŭ pli ol 125 jaroj, ke la solvo nomiĝas Esperanto kaj ke ĉirkaŭ ĝia flago kreiĝis homa komunumo, kiu ne konas landlimojn. Kiel dirus Zamenhof, en Rejkjaviko hodiaŭ renkontiĝas ne diverslandanoj, sed "homoj kun homoj". Havu sukcesan kongresan semajnon kaj, post ĝi, kunportu al viaj hejmoj daŭran rememoron pri ĝia senkompare unika etoso. Tiu estas la bondeziro de Herzberg kaj de mi persone.

**Gerhard Walter**
**Urbestro de Herzberg am Harz,**
**la Esperanto-urbo (Germanio)**

## Saluto el Flandrio/Belgio

La ministro-prezidento de la flandra-belga registaro, Kris Peeters, tre interesiĝas pri la evoluo de la universala lingvo kaj deziras al la 98-a monda kongreso de la Universala Esperanto-Asocio – kunlaboranta kun UN kaj Unesko – prosperon kaj fruktodonan laboron.

**J.W. Haazen (KN 279)**

# Teamo por la nova vizio: la nova Estraro sin prezentas

Dum la venontaj tri jaroj, la agadon de UEA gvidos sep-persona Estraro el sep diversaj landoj: tri amerikaj, tri eŭropaj, kaj unu azia. Por faciligi la kunlaboron, ni elprovos sistemon de tri subteamoj, montritaj sube.



**Prezidanto: Mark Fettes, Kanado**

**Vivo:** Naskiĝis en 1961 en Nov-Zelando. Profesoro pri edukado en la vankuvera universitato Simon Fraser. Multjara sperto en UEA kiel oficisto (1986-1992), estrarano (1992-1998), kaj lastatempe kiel Komitatano B kaj gvidanto de la Komisiono pri Strategiaj Demandoj (2010-2013). Dum la lastaj 15 jaroj li ankaŭ rolis en la gvidado de ESF, la usona fondaĵo kiu financis i.a. la evoluigon de lernu.net kaj edukado.net.

**Aspiroj:** Fettes volas kontribui al la modernigo kaj plifortigo de UEA surbaze de longperspektiva strategio kiu ampleksas ĉiujn agadkampojn de la asocio. Tiucele li esperas evoluigi kaj gvidi celkonscian teamon de estraranoj, komitatanoj, oficistoj kaj aliaj kunlaborantoj, emfazante bonan komunikadon, konservadon de la esencaj atingoj de UEA, kaj prudentan renovigon de niaj ideoj, strukturoj kaj agmanieroj.



**Ĝenerala sekretario: Martin Schäffer, Meksiko**

**Vivo:** 51-jara germano, kiu ekde 2006 vivas kune kun sia edzino en Meksiko. Profesie li diplomiĝis pri publika administrado (specialaj kampoj ekonomio kaj juro). Li aktive kunlaboras en la movado ekde 1982 sur plej diversaj kampoj.

**Aspiroj:** En la Estraro de UEA li volas labori teame por plibonigi la situacion de la movado kaj modernigi ĝin. Klerigado, instruado kaj la informado estas gravaj laborkampoj. UEA havu denove gvidan rolon en la Esperanto-movado. Ni devas haltigi la falon de la membronombro de UEA.



**Vicprezidanto: Stefan MacGill, Hungario**

**Vivo:** Naskiĝis en Nov-Zelando en 1948. Trejnita instruisto. Kunfondinto de TEJO- kaj ILEI-sekcioj en Nov-Zelando. Direktoro de la CO (1980-1984), teknika redaktoro de *Kontakto* (1978-1986), redaktoro de *Juna amiko* ekde 1986; prezidanto de TEJO (1980) kaj ILEI (1990-1992 kaj 2009-2013).

**Aspiroj:** Evoluigi koheran modulan programon de instruista trejnado (MITE). Kontribui al programo de aktivula trejnado. Verki kaj labori por krei retajn kaj irtelefonajn kursojn de Esperanto, konforme kun nuntempaj lingvinstruaj normoj. Serĉi vastan kunlaboron de ĉiuj rekonindaj agantoj en la eduka kampo. Sume, realigi kiom eble la projektojn ĉe "Kapabligo" en la Strategia Plano.



**LEE Jung-kee, Korea Respubliko**

**Vivo:** Esperantistiĝis en 1971. Magistro pri planizado. Starigis Seulan Esperanto-Kulturcentron en 1991 kaj nun estras. Instruas Esperanton en du universitatoj kiel docento. Eksprezidanto de Korea Esperanto-Asocio (2001-2004) kaj de KAEM (2008-2010). Premiito de Premio Deguchi (2002).

**Aspiroj:** Interkontinenta kunlaboro tra interŝanĝado de kursgvidantoj kunlabore kun ILEI kaj per prelegvojaĝoj. Starigi Esperanto-kursejon en la ĉefaj urboj por instrui Esperanton kaj kreskigi la membronombron de UEA. Fondi novajn landajn asociojn por tutmondigi nian movadon.



**José Antonio Vergara, Ĉilio**

**Vivo:** Naskiĝis en 1962 en Ĉilio. DM kaj Komitatano B de UEA. Medicinisto, universitata instruisto. Nuna prezidanto de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperanta).

**Aspiroj:** Ĉar firme konvinkita pri la daŭra neceso de UEA kiel mondskala organiza reto de la E-fenomeno, Vergara volas kontribui al renovigo kaj strategia pliefikigo de ĝia agado, i.a. per klopodoj konstrui reciprokan senton de solidareco kaj kunidenteco inter UEA kaj la divers-ebenaj grupiĝoj ĉirkaŭ Esperanto (lokaj kluboj, regionaj federacioj, landaj asocioj, fakaj societoj, interretaj grupoj ktp).



**Barbara Pietrzak, Pollando**

**Vivo:** Ĵurnalisto, profesie ligita kun E-redakcioj de Pola Radio, Pola RetRadio. Ĉefredaktoro de *Pola Esperantisto* (2012). Ĝenerala sekretario de UEA (2007-2013), UEA-estrarano pri informado (2007-2013). Estrarano de Pola E-Asocio (2011-2013), vicprezidanto de PEA (2013- ).

**Aspiroj:** Klopodoj por kunlabori kun aliaj organizaĵoj, kiuj havas similajn kaj kongruajn celojn ankaŭ sur la landa nivelo pere de la LA-oj. Fortigo de la identecosento de ĉiuj membroj de UEA kun sia tegmenta asocio kaj logo de eksterasociaj E-parolantoj al kunlaboro por realigi konkretajn celojn. Utiligo de la potencialo, kiun reprezentas individuaj membroj en la funkciado de UEA.



**Stefano Keller, Svislando**

**Vivo:** Diplomita instruisto, psikopedagogo (ELTE). Aktiva esperantisto ekde 1970. Estinta sekretario de UMEA. Diplomita E-instruisto (Cseh-metodo), metodologo (Kultura Centro Esperantista, La Chaux-de-Fonds, 1980-aj jaroj). Kunfondinto de Junulаro Esperantista Svislanda. Poresperanta aginto en Srilanko. Sekretario de Svisa E-Societo (2006-2013). Kunlaboranto en CDELI. Estrarano de UEA, ĉef-reprezentanto ĉe UN, Ĝenevo.

**Aspiroj:** Kreskigi la prestiĝon de UEA kaj de E-o en internaciaj organizaĵoj, akiri influajn rolojn en NRO-oj. Firmigi la statuson de UEA kiel defendanto de lingvaj rajtoj. Prezenti konkrete E-on kiel justan alternativon al la komunikada situacio tutmonda. Esplori eblojn pri interagoj kun la ekstera mondo, novaj okazoj, agadmanieroj, strategioj efikaj por konkretaj paŝoj. Profesiigo de la laboro. Plifortigo de kunlaboro inter komisiitoj de UEA.

## La Estararo aktivos pere de tri subteamoj:

1. **Mastruma:** Fettes (gvidanto), Schäffer, LEE, MacGill. Traktos financon, membraron, kongresojn, regularojn, organojn, delegitojn, rilatojn kun la CO, kaj aliĝpetojn de landaj asocioj.
2. **Monda:** Keller (gvidanto), Fettes, Pietrzak, Vergara. Traktos rilatojn kun UN, Unesko, kontinentaj instancoj kaj neregistaraj organizaĵoj; kaj plie strebos prezenti nin ekstermovade, kio inkluzivas la starigon de Tutmonda Inform-Reto (TIR).
3. **Movada:** MacGill (gvidanto), LEE, Pietrzak, Vergara. Intensigos rilatojn kun la landaj kaj fakaj asocioj, kun la regionaj komisionoj, E-centroj kaj aliaj agantoj, cele al realigo de projektoj en la kampoj Konsciigo, Kapabligo kaj Komunumo, kiu inkluzivas kulturon.

## Aŭtora Duonhoro (en la libroservo, salono Laŭlum)

### LEE Jung-kee



Mi prezentas la 152-paĝan libron *Leteroj el Koreio* por:
– tiuj, kiuj havas intereson pri la azia movado, ĉefe en Ĉinio, Japanio, Vjetnamio kaj Laoso;
– tiuj, kiuj interesiĝas pri korea kulturo;
– tiuj, kiuj volas subaŭdi azian pensmanieron;
– tiuj, kiuj scivolemas pri tio kio okazas en la azia Esperantujo;
– tiuj, kiuj ne emas legi sed nur vidi fotojn.

*Ĵaŭdo 14h30-15h00*

## Ekas EKU

Jam la unuan plenan kongrestagon, en dimanĉo la 21-a de julio kaj unu horon post la oficiala malfermo, kunsidis la Eŭropa Komisiono de UEA (EKU). Pli ol 20 homoj ĉeestis, inter kiuj pluraj komisionanoj: A. Bute (KN 425), R. Corsetti (39), M. Grosjean (270), A. Kadar (690), I. Schrøder (214), M. Gutiérrez (62; la estrarano pri Landa Agado, kiu forte subtenis la fondon de EKU), kaj la nova ĝenerala sekretario de UEA, M. Schäffer (708).

Komenciĝis la kunsido per rakonto pri kial kaj kiel naskiĝis la Eŭropa Komisiono komence de 2012, la plej juna inter la kontinentaj komisionoj de UEA. Sekvis vigla diskuto pri celoj de la komisiono, kaj pri diferencoj kun EEU. Venis tre interesaj raportoj pri unuaj projektoj de la Komisiono: Albanio, Makedonio, Kipro, Belorusio, kaj pri la stato de la movado en kelkaj landoj, ekz. Bulgario kaj Rumanio.

Legeblas la oficiala raporto pri agado de EKU dum 2012 en la ĉi-jara junia numero de la revuo *Esperanto*.

Jam venis kaj plu bonvenas mondonacoj por specifaj projektoj de EKU, aparte al la kontoj "Eŭropo por Albanio" kaj "Agado en Kipro". Krome, laŭdindas iniciato de kanada kongresano W. Du Temple (218), kiu donacos ĉiujn enspezojn pro vendo de la KD *Emocioj* de Damjanoj kaj Rabu, profite al la projektoj de la Eŭropa Komisiono de UEA en balkanaj landoj. La KD estas aĉetebla en la libroservo dum la UK.

**Aleks Kadar, KN 690**



## Ne ekas RADE

La kunsido de Rotaria Amikaro de Esperantistoj (RADE) en mardo la 23-a de julio, 16h15-17h00 en salono Bormann, estas nuligita.

## Tra la mondo tamen iras radia voko

Dum la semajnfino radioamatora stacio de Internacia Ligo de Esperantistaj Radioamatoroj (ILERA) aktivis kun la speciala voksigno TF3ESP apud la kongresejo, disvastigante en la etero la Universalan Kongreson. La stacion ĝentile starigis la loka radioamatoro Vilhjálmur (Villi) Kjartansson TF3DX, kiu kune kun Lenio PY3DF kontaktis plurajn eŭropajn staciojn tute en Esperanto.

**Lenio Marobin, KN 364**

## Kunsidis IKUE kaj KELI

Lundon posttagmeze trideko da kristanoj kunsidis en la salonon Dao Anh Kha. Post enkonduka kanto kaj preĝo kiun gvidis pastro Bernard Einchkorn, estis legitaj mesaĝoj de la prezidanto de IKUE kaj de la prezidanto de KELI. Sekvis prezentoj pri la ĉi-jara kongreso de IKUE kaj pri la KELI-kongreso okazonta en Ĉeĥio tuj post la UK, kaj prelego pri "Evangelizado per modernaj komunikiloj". Estis proponite al ambaŭ kristanaj organizaĵoj, t.e. IKUE kaj KELI, ke surbaze de ilia ĝis nuna bona kunlaboro en la pretigado de la libro *Adoru*, ekumenaj diservoj okaze de la UK, ekumenaj kongresoj, k.a. ili provu elpensi ankaŭ iun komunan agadon en la virtuala mondo.

**Marija Belošević, KN 995**

## Mirinda koincido (kaj ŝerco)

Kiam la Kongresa Kuriero-redaktoro luis sian propran biciklon sabaton (vd. n-ron 1, p. 4), li petis la kombinaĵon de ĝia seruro, kaj la luisto montris ĝin al li: 185–. Volante reklami sian negocon, la luisto volis meti flugfolion en la kongresajn sakojn (tro malfrue), aŭ eble afiŝi sur muron en la kongresejo. Kiam la redaktoro demandis al la Konstanta Kongresa Sekretario pri tiu eblo, li aŭdis ke por tia komerca entrepreno la bezonata pago estus… € 185,– !



La ŝerco estis, ke la KK-redaktoro estis preta aperigi tiun interesan koincidon en la Kuriero, sen konstati ke tio ebligus al iu ajn ŝteli la luitan biciklon. Sed kun tiu ĉi publikigo, la kombinaĵo ja ŝanĝiĝis. Ĝi nun estas… ne, mi ne diros tion.




KONGRESA KURIERO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Aŭroro

Ĵaŭdo, 25 julio 2013 N-ro 4

## Unue plej grave: katoj!

Rondo "Kato" invitas ĉiujn katemulojn al kunsideto vendredon je la 11h30 ĉe la ŝtuparaj benkoj inter la 2-a kaj 3-a niveloj en la kongresejo. Membroj kaj nemembroj estas bonvenaj.

**Francisco Veuthey, KN 785**

## Albanio en la UEA-familio

Albana Esperanto-Asocio fariĝis la 71-a landa asocio de UEA. La Komitato akceptis ĝian aliĝpeton en sia lunda kunsido kun 37 voĉoj por, neniu kontraŭ, kaj unu sindeteno. AEA estis fondita en 1991 kaj komence nomiĝis Albana Esperanto-Ligo. Ĝia prezidanto estas inĝ. Shaban Hasani.

## Eŭropa Esperanto-Unio

La du ĝis nun okazintaj EEU-kunsidoj ne estis anoncitaj en la Kongresa Libro, sed nur en la unua numero de la Kongresa Kuriero. Tiuj kunsidoj do ne allogis multajn landajn reprezentantojn de EEU. La anoncitan kunsidon de EEU en vendredo, la 26-an de julio (Beleva, 15h00-15h30), oni nuligis. Do, la estraro de EEU invitas vin ĉiujn (ne nur EEU-membrojn) ĉeesti la kunvenon pri la Eŭropa Himno, kie mi ne nur prezentos la himnon, sed ankaŭ resume parolos pri la temoj de la du antaŭaj EEU-kunsidoj.

**Flory Witdoeckt, KN 129**

## Tutkelte tostu

Okaze de la prezento de venontjara 1-a Tutkelta Kongreso, kune kun la 109-a Skota (ne Skolta!) E-Kongreso, ni gustumigos du malsamajn unu-nurmaltajn viskiojn el Skotlando. Ankaŭ estos la tradiciaj buterbiskvitoj "mallongaj paneroj". Venu malkovri keltan kulturon, keltajn lingvojn, keltan muzikon. Venu viziti Skotlandon, ankaŭ por omaĝi al la skota bardo William Auld. Kaj eĉ por aktivula trejnado, por kio aparta seminario estos organizita. Salono Broadribb, ĵaŭdon je la 16h45. Ni atendas vin!

**Francesco Maurelli, KN 111**

## Gravaj informoj pri la KER-ekzamenoj

Festa disdono de la KER-atestiloj por cento el tiuj, kiuj ekzameniĝis dum la tutmonda ekzamentago, okazos vendredon je la 12-a horo, tuj antaŭ la skriba ekzameno komenĉiĝos. Ni petas ĉiujn koncernulojn ke ili tiam aperu antaŭ la salono Dao Anh Kha por mallonga ceremonio.

Ĉiuj kandidatoj de la nuna ekzamensesio, kiuj partoprenos parolan aŭ kompleksan parton kaj ankoraŭ ne havas tempon por la 29-minuta ekzameno, bv. urĝe kontakti Katalin Kováts. Novaj kandidatoj ne aliĝu sen interkonsento pri ekzamentempo, ĉar la ebloj jam estas limigitaj.

**Katalin Kováts, KN 718**

## Vegetaranoj ne vegetas

Ĉirkaŭ 25 kongresanoj ĉeestis en mardo la publikan kunsidon de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA). Post mallonga enkonduko de la prezidanto Christopher Fettes, sekvis duparta prelego de la vicprezidanto Francesco Maurelli. Li parolis pri kvinoo, okaze de la Jaro de Kvinoo proklamita de Unuiĝintaj Nacioj kaj la Organizaĵo pri Nutrado kaj Agrikulturo. Poste li prezentis la ne-esperantistan organizaĵon Eŭropa Vegetarana Unuiĝo, kies prezidanto li iĝis antaŭ unu jaro. En ĵaŭdo okazos fermita kunsido de TEVA, ĉe kiu estas bonvenaj nur membroj kaj Landaj Reprezentantoj. Ni esperas havi viglan kaj fruktodonan diskuton pri la agado kaj strukturo de TEVA.

## Akademio respondis

La 18 akademianoj ĉeestantaj la UK-on respondis dum horo kaj duono demandojn de la publiko pri lingvaj temoj. Ekzemplo de demando pri nuntempa aĵo: En radia dissendo oni uzas la vorton *kompufono* por la konata anglaĵo *smartphone*. Ĉu tio estas akceptebla?

La respondoj estis ĝenerale pli malsimplaj ol la demandoj, kaj ili montris ke la Akademio sekvas kun atento la uzadon de la lingvo fare de normalaj esperantistoj.

**Renato Corsetti, KN 39**

## NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE UEA

En sia unua kunsido en Rejkjaviko, la 20-an de julio, la Komitato de UEA elektis tri novajn Honorajn Membrojn de UEA. Jen iliaj biografietoj.

**Roland LINDBLOM**

Svedo, naskiĝis 1931-01-19. Eklernis Esperanton 16-jara kaj jam post ses monatoj gvidis kurson. En 1958 li kunfondis Svedan E-istan Junularan Unuiĝon kaj fariĝis ĝia vicprezidanto. En 1972 li estis petita helpi la estraron de SEF kiel protokolanto. En 1974 li fariĝis vicestrarano, en 1976 estrarano kaj en 1978 prezidanto, kiun taskon li plenumis ĝis 1985. Li membriĝis en UEA en 1953, fariĝis vicdelegito en 1957 kaj delegito en 1970. Komitatano de UEA li estis 1978-1986, 1992-2001 kaj 2007-2010 kaj estrarano 1983-1986. Li estis prezidanto de LKK de la 65-a UK en Stokholmo 1980 kaj de la 88-a en Gotenburgo 2003. La Alta Protektanto de la 65-a UK estis la parlamentestro Ingemund Bengtsson, kiun li konis kaj kies apogon al E-o li povis utiligi diversfoje. Lindblom reprezentis UEA en du Unesko-konferencoj en Stokholmo (1978 kaj 1998). En 1998 li reprezentis UEA ĉe konferenco de ISO en Stokholmo.

**Biruta ROZENFELDE**

Latvino, naskiĝis 1933-12-18. La periodon de 1949 ĝis 1956 ŝi pasigis en la Amura regiono de Sovetio, kien ŝia familio estis deportita. Ŝia esperantista patro ekinteresis la filinon pri la lingvo. Reveninte al Latvio en 1956 Rozenfelde studis en la Riga Pedagogia Instituto, kie ŝi partoprenis ankaŭ Esperanto-kurson kaj tuj ekaktivis en la movado. En 1959 ŝi organizis la unuan Baltian Esperanto-Tendaron (BET) apud Rigo. La tradicio de BET (nun Baltiaj Esperanto-Tagoj), alterne en la tri baltaj ŝtatoj, daŭras; en 2014 okazos en Latvio jam la 50-a BET. Rozenfelde aktive partoprenas en ilia organizado. En 1993 ŝi prelegis kaj koncertis en Finnlando. Ŝi partoprenis en multaj Universalaj Kongresoj kaj estis komitatano A de UEA 1995-2010. Ekde 1993 ŝi estas fakdelegito pri kulturo. Ŝi estas vicprezidanto de Latvia Esperanto-Asocio kaj gvidas Esperanto-klubon ĉe la Latva Societo de Rigo.

**Hallgrímur SÆMUNDSSON**

Islandano, naskiĝis 1926-06-19. Sæmundsson lernis Esperanton en 1947. Li membris en UEA ekde 1948 kaj estis jardekojn la plej agema movadano en Islando. Li senĉese aktivis por la Rejkjavika societo “Aŭroro” kaj por Islanda E-Asocio, kaj estis prezidanto de ambaŭ. Dum multaj jaroj li provlegis la revuon *La Tradukisto*, por kiu li tradukis novelojn el E-o en la islandan kaj inverse. Li esperantigis la klasikan islandan infanlibron *Blondulo* (2007) kaj tradukis en la islandan la infanlibron *La varma rivereto* de E. Starovasnik. Li estis komitatano A de UEA 1980-1986 kaj poste observanto ĝis 2001. Delegito li estis 1949-1960 kaj ekde 1977. Kiel sekretario de LKK de la 62-a UK en Rejkjaviko 1977 li decide kontribuis al tio, ke tiu UK estis titolita “perlo en la kongresa koliero”. La sorto ne permesis al li vidi la UK-on por la dua fojo en Islando, ĉar post elĉerpa malsano li forpasis la 22-an de junio.

## Raporto pri la UMEA-kunsido

Tagmeze en mardo la 23-a de julio kunvenis en salono Beleva 23 gemedicinistoj sub gvido de Frank Nitzsche. Estis informoj pri la pasintjara 18-a Internacia Medicinista Esperanto-Kongreso en Opava (CZ); pri la venonta 19-a IMEK, de la 16-a ĝis la 20-a de julio 2014 en Budapeŝto; kaj ankaŭ pri la interreta diskutrondo medicino-per-esperanto@googlegroups.com, kiun aranĝas Ludoviko Molnár el Budapeŝto. Komenciĝis nova hejmpaĝo por *Medicina Internacia Revuo* (MIR) kaj UMEA: interrev.com, kiun organizas la ĝenerala sekretario de UMEA kaj redaktoro de MIR Vlodimir Opoka. Retiriĝis kiel prezidanto pasintjare pro aĝo Imre Ferenczy, kiu nun estas honora prezidanto kaj restas komitatano A por UMEA ĉe UEA.

Kandidatoj por la nova estraro estas: Eva Kopečna, prezidanto; Katalin Faragó, vicprezidanto; Frank Nitzsche, dua vicprezidanto; Włodimierz Opoka, ĝenerala sekretario; kaj Kiryu Yasuo, kasisto. Mankas alternativaj kandidatoj kaj tial oni proponis rezigni pri balotoj; ne estis protestoj, nek aliaj proponoj. Ankoraŭ mankas inspektoro kiu anstataŭos la forpasintan Gabor Lazar el Rumanio. Estis propono ke iu japana medicinisto iĝu inspektoro, ĉar en Japanio estas la plej multaj UMEA-anoj. Tamen venis neniu propono de la ĉeestantaj japanaj kolegoj; cetere, ankoraŭ mankas financa raporto de la japana kasisto.

Fine, Frank Nitzsche prezentis sian prelegon pri makzelaj osto-nekrozoj preparitan por la pasinta IMEK.

**Frank Nitzsche, KN 404**

## LSG-jarkunveno

Dimanĉon posttagmeze okazis la jarkunveno de la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG). Preskaŭ kvindek membroj kaj kelkaj gastoj partoprenis en la plenŝtopita salono Dao Anh Kha. La kasisto donis ampleksan aktualan financan raporton de la ligo, kiu estis unuanime akceptita de la membroj. Estis diskutate, ĉu la ligo volas pli forte uzi la sociajn retejojn fejsbuko kaj guglo pluso. Al la nova estraro estis reelektita Randy Dean (prezidanto), Rolf Köhler (sekretario kaj kasisto), Francis Soghomonian kaj Paul Harry Barron. Nova en la estraro estas Ed Williger. La kunveno unuanime kaj per forta aplaŭdo akceptis rezolucion, per kiu la ligo esprimis sian subtenon al la Rejkjavika urbestro Jón Gnarr, kiu kondamnis la gej-lesban diskriminacian politikon de la Moskva urbestraro. Kiel ĝemela urbo Rejkjaviko ne povas akcepti tion kaj minacas rompi ĉiajn rilatojn kun sia rusa partnero. La prezidanto informis, ke la islanda gej-lesba organizaĵo invitas la membroj de LSG al sia Rejkjavika ejo. Post omaĝo al la forpasintaj membroj la kunveno finiĝis.

**Rolf Köhler, KN 732**

## Novaj prezidantoj en Tago de la Lernejo

Post malfermo de la Tago de la Lernejo fare de la nova UEA-prezidanto Mark Fettes, la nova ILEI-prezidanto Mireille Grosjean salutis la publikon. La prezidinto de ILEI kaj vic-prezidanto de UEA Stefan MacGill parolis pri "Edukaj perspektivoj en la Strategia Vizio". Dum kvin horoj okazis sinsekve dek du prelegoj pri tre konkretaj temoj ligitaj al komunikado, instruado, instrumaterialoj, spertoj en Togolando, la Cseh-metodo, kaj strategioj por korekti malfacilajn aspektojn de nia lingvo. Ĉiu prelego alportis al la publiko ion uzeblan por plibonigi la instruadon, kaj interesaj interŝanĝoj sekvis.

**Mireille Grosjean, KN 270**

## Mult-pieda ILEI

Interesatoj venis konatiĝi kun la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) dum kunsido marda, kiun gvidis la nove elektita prezidantino Mireille Grosjean. Ŝi precizigis la membrecon, la ekziston de sekcioj, de reprezentantoj kaj de kontaktpersonoj kaj iliajn devojn. Nuntempe ILEI havas piedon en 55 landoj. Ŝi prezentis IPR (*Internacia Pedagogia Revuo*), kiu devas esti ne nur asocia informilo sed vera helpilo al la geinstruistoj tra la mondo. Ŝi prezentis la kajerojn de *Juna Amiko*, valorega revueto por lernantoj, alvokante por la trovo de nova redaktisto. Ŝi klarigis la taskojn de la Internacia Ekzamena Komisiono (IEK) kaj de la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE), kaj rakontis pri kelkaj nekutimaj okazintaĵoj en rilato kun ekzamenoj tra la mondo.

Vigla debato okazis rilate al la movadaj ekzamenoj de ILEI kontraste al la KER-ekzamenoj de UEA, kaj al la evoluo de tiuj sistemoj. Novaj ideoj naskiĝis. Laboro atendas.

**Mireille Grosjean, KN 270**

## Lingvoj certaj, jaro iom malpli

La interesa historia muzeo Reykjavík 871±2 (Aðalstræti 16) tiom bonvenigas esperantistojn, ke la lingvo internacia iĝis parto de ĝia lingvaro. La muzeo precipe temas pri la ekloĝiĝo de Islando. En la 1990-aj jaroj esploro pri glaĉeroj en Gronlando donis respondon al malnova demando pri kiam okazis la vulkana erupcio ĵus antaŭ la islanda ekloĝiĝo, kiu laŭ malnovaj rakontoj komenciĝis en Rejkjaviko. La proksimuma kalkulita respondo estis la jaro 871±2, kio do poste iĝis la nomo de tiu ĉi muzeo.

La muzeo invitas gastojn aŭskulti sonregistritajn priskribojn en la plej gravaj lingvoj de la mondo – al kiuj kompreneble apartenas kaj la islanda… kaj Esperanto. La teksto de la E-registraĵo estis tradukita de la LKK-ano Kristján Eiríksson, kiu ankaŭ laŭtlegis ĝin.

**Steinþór Sigurðsson, KN 84**

## La literaturo alvokas vin

(1) Vendredon la 26-an de julio, je la 12h15 en salono Beleva, ĉiuj kongresanoj povos fine konatiĝi kun la laŭreatoj de la ĉi-jaraj Belartaj Konkursoj de UEA – kaj ne nur. Antaŭ la oficiala anonco kaj disdono de diplomoj, kelkaj juĝantoj – Gerrit Berveling, Detlev Blanke, Paul Gubbins, Syozi Keiko – kunordigate de la prezidanto de la Belartaj Konkursoj – Humphrey Tonkin – diskutos la rolon de literaturo, ĝiajn multnombrajn facetojn, kaj ĝian estontecon en la nova ĉiam pli teknologia mondo. Notu la horon en via Kongresa Libro kaj ne forgesu veni. Ni atendas vin!

(2) La ĉiama demando estas: kio okazas pri la verkoj premiitaj en la Belartaj Konkursoj? Ekde nun la respondo estas facila. Vizitu la retejon www.belartajkonkursoj.net, kaj dank' al la laboro de Sten Johansson vi povos jam ĝui la legadon de pli ol tricent verkoj ekde la jaro 1950. Vizitu ĝin, konatiĝu kun nia literaturo kaj se vi havas informojn pri kie trovi tekston de verko ankoraŭ ne legebla, ne hezitu kontakti min kaj doni viajn proponojn. Tio estos granda helpo.

**Michela Lipari, KN 225**

## Aŭtora Duonhoro (en la libroservo, salono Laŭlum)

### Petro Chrdle



Petro Chrdle (CZ) fondis malgrandan firmaon KAVA-PECH en 1992. Ĝi agis kiel vojaĝagentejo, eldonejo, kaj profesia organizanto de klerigaj eventoj (en limigita skalo ankaŭ kiel internacia komercisto, sed tiukaze ne sukcese), kun Esperanto kiel unu el la kvar egalrajtaj laborlingvoj. Siajn spertojn el tiu profesia agado pere de Esperanto Petro resumis en la prezentota verko, *Profesia uzo de Esperanto kaj ĝiaj specifaj trajtoj*. Temas pri la tria eldono, sed komplete reverkita kaj la unua ilustrita.

***Vendredo 11h15-11h45***

### Věra Barandovská-Frank



Věra Barandovská-Frank estas sesdekjara ĉeĥa filologino. Krom la latinan lingvon ŝi ŝatas aventurojn. Unu el tiuj estis edziniĝo al profesoro Helmar Frank, fondinto de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino. Alia tre interesa aventuro estis redaktado de la sepcentpaĝa festlibro *Littera scripta manet*, per kiu AIS omaĝas la okdekjariĝon de sia prezidinto. Sesdeko da aŭtoroj el kvar kontinentoj verkis tekstojn en siaj etnolingvoj (inklude de la ĉina kaj la bengala) kaj paralele en Esperanto; krome ili liveris anglajn resumojn, siajn fotojn kaj biografiojn. Surprizoj ne mankis, kaj fine enplektiĝis Petro Chrdle. La detalojn eksciu dum tiu ĉi aŭtora duonhoro.

***Vendredo 11h45-12h15***

### Gerrit Berveling



Gerrit malaperis! Lastjare li spertis ke transloĝiĝo grave influis la vivon. Ĝi kelkajn kilogramojn kostis al li kaj multe da tempo por ree komplete enhejmiĝi. Unu el la sekvoj estis, ke li ne sufiĉe atentis pri administraĵoj, kaj li kaj la edzino malaperis de la listo de aliĝintoj al la UK. Sed tamen jen ili nun, kun amaseto da novaj libroj, kiujn Gerrit prezentos en sia aŭtora duonhoro: *Antologio latina IV*, *Nova testamento II* ĉe Fonto, plua aŭtobiografia rakonto *Kiu ĉi mi?* ĉe Voko, kaj *Pri maljunuloj, la aĵoj, kiuj pasas…* de Louis Couperus (kiun li tradukis) ĉe Mondial.

***Vendredo 16h00-16h30***

**La Internacia Koruso**
havos eksterordinaran prezenton en vendredo je la 13h30, en la kongresejo sur la ŝtuparo inter la 1-a kaj 2-a niveloj.

## Kunveno de komunistoj

Mardon en salono Dao Anh Kha kunvenis manpleno da scivolemuloj por diskuti la socialismon kaj la krizon de la kapitalismo. Montriĝis profunda abismo inter la opinioj. Iu kondamnis la socialismon kiel kontraŭhoman, alia laŭdis la novajn provojn preterpasi la kapitalismon. Neniu sciis pri la politika tendaro en la nova UEA-Estraro.

**Dieter Rooke, KN 356**

## Literatura sekcio de AdE

Jen pionira sesio de la literatura sekcio de la Akademio de Esperanto. Unuafoje dum UK la sekcio okazigis du prelegetojn pri temoj beletraj. Prezentis akademiano USUI Hiroyuki (KN 952, Japanio/Ĉinio) prelegon pri William Auld. Sekvis akademiano Paul Gubbins (KN 309, Britio), kiu parolis pri la dramo *Geedzigopeto* de Roksano, dramo kiu en 2013 centjariĝas. Komentis poste Gubbins: "Mi esperas, ke estas tiel lanĉita tradicio pri plia atentigo pri nia originala literaturo dum niaj kongresoj."

**Paul Gubbins, KN 309**

## Kontribuu al Muzaiko!

Dum la UK okazas multaj interesaj babiladoj – helpu por ke eksciu pri ili ankaŭ aliaj personoj. Se vi emas esti intervjuita aŭ intervjui, skribu al unu el la jenaj volontuloj de Muzaiko: KN 217, KN 349, KN 751 aŭ KN 753. Tiel vi povus esti aŭskultata en pli ol 80 landoj de la mondo pere de la komunuma retradio-kanalo Muzaiko (www.muzaiko.info).

**Rafael Zerbetto/Veronika Poór, KN 217/349**

## Okaze de sanproblemo…

Se iu bezonas viziti kuraciston, la plej proksima eblo estas la jena: Heilsugæsla Miðbæjar (Urbocentra Saniga Centro), Vesturgata 7, Reykjavík; tel. 585-2601, retadreso midbaer@heilsugaeslan.is. Deĵoraj horoj: 8h00-17h00 lunde, marde, merkrede, jaŭde. [Do, se vi devas malsaniĝi, faru jam dumtage hodiaŭ, kaj ne ĉi-vespere, morgaŭ aŭ sabaton. –*Red.*]

**Hilmar Jón Bragason, KN 369**

**Rigardu vian mapon!**
Ŝajnas ke multaj el vi ne estas atentintaj la belegan E-lingvan mapon en via kongresa sako. Ĉiuj tiuj restoracioj havas menuon presitan en Esperanto!






KONGRESA KURIERO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Aŭroro

Vendredo, 26 julio 2013 N-ro 5

**Ĉiuj kongresanoj estu antaŭ la kongresejo je la**

**18h15 hodiaŭ**

**(vendredon)**

**por**

**KOMUNA FOTO!**

## Aŭkcio atendas

Dum malmultaj UK-programeroj estas tiel multe da ridekspolodoj kaj aplaŭdado kiel dum la aŭkcio. Venu do en vendredo en salonon Hodler, kie ekde 16h30 ĝis 18h00 Humphrey Tonkin vendos objektojn, inter kiuj kelkaj estas apenaŭ aŭ neniel akireblaj aliloke. Ni ne hontas malkaŝi, ke ĉion oni klopodos vendi tiel altpreze kiel eble, profite al la Volontula Fondaĵo de UEA.

La sortimento de pli ol 50 objektoj estas riĉa: ekde la ĉiam utila *Kuracado de la Mallakso kaj de ĝiaj Komplikoj* el 1906 ĝis la kongresa numero 1 de la 99-a UK en Bonaero. Vi povos kompletigi vian kolekton de Rejkjavikaj kongreslibroj per tiu el 1977 kaj ricevi ĝin kun la tiama Dua Bulteno (atentu, ke la limdato por mendoj jam pasis!). Eĉ la dokumentujon de la unua Rejkjavika UK eblas akiri en la aŭkcio kaj la libron *Faktoj pri Islando* kun la aŭtografo de la granda poeto Baldur Ragnarsson. Cent jarojn aĝas la Kongresa Libro de la 9-a UK en Berno en 1913, sed ni proponas ĝin al vi en perfekta stato. Post tiu ĉi UK vi ankaŭ povos fieri pri dankokarto de Andreo Cseh pro gratuloj okaze de lia 70-jariĝo, kvazaŭ vi estus ĝin ricevinta rekte de li – aŭ kirli vian kafon per kulereto kun la portreto de la Majstro. ✪

**Karaj Gekongresanoj,**

Rapidpaŝe proksimiĝas la fino de la 98-a Universala Kongreso de Esperanto en Rejkjaviko. Ne finiĝas tamen la Gazetara Kampanjo ĉirkaŭ la nunjara UK. Ĝia celo en la antaŭkongresa kaj en la postkongresa periodoj estis kaj estas dividi kun la ekstera mondo – pere de rekta kontaktiĝo kun ĵurnalistoj de vialandaj amaskomunikiloj – informojn pri la unika evento, kiu estas UK.

Tiu karaktero por ni esperantistoj estas evidenta. Homoj el kelkdeko da landoj de la tuta mondo dum unu semajno, helpe de unu komuna lingvo laborkunsidas, kleriĝas, amuziĝas, ligas novajn amikecojn, komune ĝuas la turismajn allogaĵojn de la kongreslando. Krome ili profundigas siajn konojn pri la kongreslando mem kaj familiariĝas kun la nacia lingvo. Dividu ĉi-specajn informojn lige kun la Rejkjavika UK en viaj loka gazeto, radioprogramo, televidstacio kontaktante viajn ĵurnalistojn kaj proponante viajn travivaĵojn kiel temon de interesa programo.

Inter ni estis ankaŭ tiuj, por kiuj la Rejkjavika UK estis la unua en la vivo. Ili tute freŝe atestas la unikecon de la Universala Kongreso ne tuj facile kompreneblan al neesperantistoj. Do, dividu kun ili viajn nunjarajn impresojn! Dividu tiujn impresojn kun ni, sendante viajn raportojn ankaŭ al la E-gazetoj, al Pola RetRadio (www.pola-retradio.org).

Pri la Gazetara Kampanjo de UEA legu pli ĉe http://www.gazetaro.co.nr/ .
Riĉigu la paĝon per informoj pri viaj tiurilataj sukcesoj.

Per retmesaĝoj informu pri viaj kontribuoj ankaŭ la sube menciitajn respondeculojn pri la Kampanjo. Anticipan dankon!

Barbara Pietrzak – barbarinella@gmail.com
*Eksa ĝenerala sekretario de UEA, estrarano pri informado*

Emilio Cid – cid.emilio@gmail.com
*Kunhelpa komisiito pri la Rejkjavika UK*

## Islanda etika edukado ĉe ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo (ATEO) kunvenis mardon la 23-an de julio je 15h30 en salono Broadribb, kun partopreno de 30-40 personoj kaj gvidata de Anna Lowenstein (KN 413). En tiu ĉi publika kunveno ATEO gastigis Hope Knútsson, fondinto kaj nun prezidanto de la Islanda Etika Humanisma Asocio. Ŝi prezentis ĝian programon de laikaj konfirmacioj, iniciato komenciĝinta antaŭ 25 jaroj. Anstataŭ partopreni en religia konfirmacia ceremonio, la gejunuloj sekvas 12-semajnan kurson de diskutado kaj edukado pri etiko, kritika pensado, homaj rilatoj, egaleco, rilatoj inter la seksoj, malhelpo kontraŭ misuzo de drogoj, skeptikeco, protektado de la vivmedio, rilatoj kun la gepatroj, adoleska vivo en komunisma socio, kaj respondeca plenkreskula konduto. La kurson kompletigis diplom-ceremonio. La kunveno estis tre sukcesa kaj finiĝis per vigla debato pri la prezentitaj temoj.

**Anna Lowenstein, KN 413**

## *La giganta araneo* – giganta sukceso!

Post la fino de la filmo *La giganta araneo* en salono Zamenhof mardon vespere, mi sentis min mem kiel en filmo, kun multaj personoj kiuj venis al mi por gratuli kaj danki min. Sed mi nur legis la enkondukon senditan de la usona esperantisto Georgo Baker, kiu vere laboris kun la filmisto super la projekto. Mi do simple plusendas la gratulojn kaj dankojn al Georgo, por ke li plusendu ilin al la cetera esperantista volontularo.

Kiam la filmo komenciĝis, mi ne povis ĉesi ridi, duone ĉar mi sciis ke la filmo estos amuza, sed ankaŭ pro nervozeco. Kion tiu internacia grupo sentos pri la uzo de nia kara lingvo tiumaniere?

En la vico malantaŭ mi estis grupeto kiu preskaŭ je la komenco de la filmo ekridis, kaj do mi sciis ke almenaŭ iuj estas ĝuantaj ĝin. Sed specife kiam iu en la filmo diris "Kiuj venas? Ĉu la rusoj?", estis eksplodo de ridado en la tuta halo. Ne estas tiom da rusaj partoprenantoj, kaj do mi sciis ke la amuziĝo estas ĝenerala.

Ĝis la fino restis proksimume 200 personoj. Kiam la esperantistaj kreditoj aperis je la fino, tiuj kiuj restis aplaŭdis, kaj iuj tuj proponis gratulojn kaj dankpkn. Iu demandis, kiam la filmo estis kreita kaj surpriziĝis ke ĝi estas nova. Iu kuris por kapti min, dezirante montri ĝin en filmfestivalo en sia lando. En la koridoro kaj malsupren laŭ la ŝtuparo, pli da gratuloj kaj dankoj. Entute do la sperto estis ĝojiga. Eblas aĉeti la DVD-on en la kongresa libroservo.

**Ed Williger, KN 265**

## Nova premio de TEĴA

Mardon la 23-an de julio kunvenis Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). La prezidanto Audrys Antanaitis prezentis agadraporton kaj informis pri la membrostato: 129 personoj el 45 landoj. Oni priparolis la financan staton de la asocio kaj enkondukis TEĴA-membrokotizon, kiu ĝis nun ne ekzistis. La mandato de la estraro, kiu finiĝos en 2014, estis plilongigita ĝis la jaro 2015. La kunveno decidis establi premion "Edmond Privat", kiu estos asignita kaj al la aŭtoro de la plej bona artikolo pri Esperanto-rilata temo, kaj al la aŭtoro de la plej bona artikolo pri temo sen rilato al Esperanto; la laŭreatojn determinos reta voĉdonado. Estis akceptita propono de ĉina partnera organizaĵo okazigi simpozion de TEĴA en Ĉinio en septembro 2014. Interalie, la membrokarto de TEĴA ebligas al ĝia posedanto senpagan vizitadon al ŝtataj muzeoj. Dum la kongreso eblas profiti ĉi tion en la muzeoj de Rejkjaviko.

**Halina Gorecka, KN 496**

*Komento de ĉeestanto:*

Mi kiel nemembro partoprenis en la membro-kunsido de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). Mi redaktas *TEJO-aktuale* kaj ekster Esperantujo kunlaboras en retĵurnalo germanlingva. Dum tiu ĉi UK mi unuafoje aŭdis pri TEĴA, kvankam mi jam de pluraj jaroj aktivas en la Esperanto-movado.

La temoj de la kunsido inkluzivis interalie la altecon de la membrokotizo kaj mankon de membroj. La informoj pri membreco por mi ne estis allogaj. Do mi rekomendas pripensi: (a) kiel fari la membrecon pli alloga, kaj (b) kiel pli bone varbi por la asocio ankaŭ inter gejunuloj. Certe helpus por tio uzi la novan strukturon ene de UEA kaj la UEA-estraran peton pri kunlaboro inter la diversaj organizaĵoj.

**Julia Noe, KN 753**

## Komercistoj aktivas rete

Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) kunvenis ĵaŭdon la 25-an de julio je la 10-a horo en salono Beleva. Partoprenis 30 personoj. La kunsidon gvidis Roland Rotsaert (KN 131). La jarkunveno estis neformala, ĉar ne povis ĉeesti la ĉina prezidanto, s-ro Ĉielismo (Wang Tiany, KN 107). Lastatempaj informoj estis disdonitaj, kaj la retpaĝo www.ikef.org prezentita. Jo Haazen (KN 179) substrekis la gravan rolon kiun esperantistoj povas ludi en la subtenado de la movado. Dennis Keefe (KN 1011) alvokis la komercistojn pristudi la projekton de Strategia Laborplano de IKEF 2013-2017.

**Roland Rotsaert, KN 131**

## Respondecoj de la novaj UEA-estraranoj

En *Aŭroro* 3 ni prezentis la novan Estraron kaj tre koncize la tri subteamojn.
Jen la precizaj laborkampoj por la unuopaj estraranoj.

**Mark Fettes – prezidanto**
*Gvidanto de la subteamo "Mastruma Evoluo."*
Strategia laborplano, Financoj, Oficejo, Kongresa politiko, TEJO, CED, uea.org

**Martin Schäffer – ĝenerala sekretario**
Komitato, Komunika politiko, Delegita Reto, Financoj kaj administrado (kunlabore kun Fettes)

**Stefan MacGill – vicprezidanto**
*Gvidanto de la sub-teamo "Movada Evoluo."* Kapabliga agado (ILEI, edukado.net, aktivula trejnado), Komisionoj pri Oceanio kaj Afriko

**José Antonio Vergara**
Konsciigo: Tutmonda Inform-Reto (TIR); Faka agado, Terminologia Esperanto-Centro (TEC), IKU; TEJO kaj CED (kunlabore kun Fettes)

**Stefano Keller**
*Gvidanto de la sub-teamo "Monda Evoluo."* Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj urboj

**Barbara Pietrzak**
Kultura evoluigo (i.a. Akademioj Lingva kaj Literatura, Belartaj Konkursoj), Komisionoj pri Eŭropo kaj Mezoriento/Nord-Afriko

**Lee Jung-kee**
Kapabligo (kunlabore kun MacGill), Novaj landaj asocioj, Komisiono pri Azio, E-Centroj

## Islandaj popolrakontoj

Okaze de la 98-a UK de Esperanto en Rejkjaviko, islandaj esperantistoj eldonis islandajn popolrakontojn tradukitajn de Þórbergur Þórðarson (1888-1974). Þórbergur estis aktivega esperantisto kaj unu el la plej eminentaj verkistoj de la islanda literaturo. Listo de liaj verkoj troviĝas en la esperantlingva vikipedia artikolo pri li ĉe http://eo.wikipedia.org/wiki/Þórbergur_Þórðarson.

La plejparto de la libro konsistas el esperantigoj de la plej konataj islandaj popolrakontoj pri supernaturaj okazaĵoj. La lastan rakonton, "La maŝinisto el Aberdeen", Þórbergur mem verkis islandlingve, kaj Stefán Sigurðsson (1901-2001) esperantigis poste. Þórbergur ĝin skribis laŭ rakonto de orientislanda distriktestro, kiu havis la malplezuron batali tra tuta nokto kontraŭ fantomo de ĵus murdita skota maristo.

La libro aĉeteblas en la islanda "Esperantejo", Skólavörðustígur 6b (17-19), Rejkjaviko (malfermita 17h00-19h00 vendredon kun esperantlingva gvidado, kaj bone montrita en la kongres-saka mapo), kaj en la kongresa libroservo.

**Steinþór Sigurðsson, KN 84**

## Raportoj pri/el Azio

La Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM) havis publikan kunsidon en ĵaŭdo de 11h00 ĝis 12h30 en salono Dao Anh Kha. Salutis du estraranoj de UEA respondecaj pri Azia Agado. La vicprezidanto de la komisiono prezentis pri KAEM. Pri la situacio de sia landa agado vice raportis reprezentantoj aŭ rajtigitaj anstatauantoj. La sekretario de la Sud-Azia Seminario raportis pri tiu evento. Prezentitaj temoj dum la publika diskuto estis: administrado de la komisiono, komuna seminario, movado en Orienta Timoro, kaj korespondado kun aziaj junuloj.

**INUMARU Fumio, KN 512**

*Komento de ĉeestanto:*

Malĉeestis la prezidanto de la Azia Komisiono. Li ne senkulpigis sin.

Neniu levis la demandon pri la limo inter Azio kaj Eŭropo, kvankam Eŭropo evidente estas nur duoninsulo de azia kontinento. Bv. rigarde konsulti la mapon!

**Dieter Rooke, KN 356**

## AIS-kurso pri la violono…

Proksimume kvindek personoj estas sekvintaj la AIS-kurson de Hannes Larsson pri la violono. En la unua prelego li parolis pri la historio de la violono, pri violonfarado kaj pri violonfaristoj. Poste li klarigis la teknikojn de violonludado per la dekstra kaj maldekstra manoj. Nun la partoprenintoj scias, kiel oni estigas flutsonojn per la violono.

En la dua prelego Paganini, kiu revoluciis la violonludadon, ricevis grandan atenton. Aŭdiĝis sonekstraktoj de la konĉertoj, variacioj kaj kapriĉoj de Paganini. Ĉeestantoj diris, ke ili de nun aŭskultos violonmuzikon alimaniere ol antaŭe.

En la lasta prelego, vendredon 11h00-12h15 en salono Broadribb, daŭros la parolado pri violonmuziko, komponistoj kaj violonistoj, kun multaj sonekzempleroj.

**Hannes Larsson, KN 294**

## …kaj pli pri la ĵaŭd-koncerta

La hieraŭvespera koncerto de Sara Su Jones (kun partnero Dennis Moore) prezentis ne nur muzikaĵojn de diverslandaj komponistoj, sed ankaŭ eble neatenditan aspekton de islanda kulturo: belsonan violonon kreitan en 2011 de la majstra Rejkjavika violonfaristo Hans Johannsson, kiu dum la pasintaj 35 jaroj jam kreis pli ol 300 instrumentojn uzatajn nuntempe ne nur en Islando, sed tra Eŭropo kaj Nord-Ameriko. S-ro Johannsson tre ĝentile kaj senpage pruntedonis la instrumenton por uzado ĉi-semajne, rifuzante akcepti repagon por la aldona asekuro postulata, kaj persone ĉeestis la koncerton. Tio estis por li unika kaj ĝojiga sperto, ĉar kvankam proksimume dekduo da anoj de la Islanda Simfonio ludas liajn instrumentojn, ili ne estas soloistoj, kaj do la individuaj voĉoj de la violonoj de Johannsson kutime ne aŭdeblas.

**Sara Su Jones, KN 985**

## Tri hajkoj

*ekster cellenso*
*glaciej' sin etendas –*
*marĉlandoj are*

*ĉarmaj herbetoj*
*nekonataj ja floras –*
*gejsero ŝprucas*

*tra larĝa valo*
*ventas el glaciejo –*
*rokmuro kruta*

**HIROTAKA Masaaki, KN 802**

## Ligo Internacia de Blindaj E-istoj (LIBE)

Laŭvice la ĉeestantoj sin prezentis: inter 17 estis ses vidhandikapitoj. De la okupata Otto Prytz la edzino Pilar Menendez transdonis la saluton kaj i.a. de Arvo Karvinea la nova finna membro Asta Torpa. Registris la eventon Jan Skoniecka, mem akompananta sian art-societe engaĝitan edzinon Helena. Venis tri koreinoj, brazilano kaj la japano Hikito Akio, kiu menciis japanan asocion studantan la historion de blinduledukado en Japanio, pri kiu li parolis en ĵusa Pariza konferenco. Iu esprimis la deziron ke la revuo *Monato* ricevu samkvalitan trakton kiel la revuo *Esperanto*, prizorgata de Pasquale Zapelli en la CO de UEA; oni laŭdis kaj la redaktoron Jaap Wieringa de *La Kontakto* (Nosobe) kaj la same aĝan Hein Wernik, daŭre voĉlegantan IPR, sed bedaŭris la forfalon de *Heroldo de Esperanto*. La brajla biblioteko de LIBE en NL poste bonvenos en Herzberg/Harz, Germanio. *Puraj Pulmoj* (nefumantoj) estas disponigebla interrete ankaŭ por vidhandikapitoj.

**Rob Moerbeek, KN 51**

## UK, junulara kongreso

Ĵaŭdon sinprezentis TEJO, la junulara sekcio de UEA, pere de sia ĝenerala sekretario Paweł Fischer-Kotowski, de sia estrarano por eksteraj rilatoj Michael Boris Mandirola, kaj de sia nuntempa volontulo Quentin Weber-Seban. La tri prezentis la funkciojn de la asocio kaj ĝian nunan staton, kun plej gravaj agadoj kiel la revuo *Kontakto*, la gastiga servo Pasporta Servo, kaj la Internacia Junulara Kongreso (IJK), kiu ĉi-jare okazos en Nazareto, Israelo. La du estraranoj kaj la volontulo ankaŭ respondis al la demandoj kaj rimarkoj de la ĉeestantoj, interalie rilate al la perdiĝo de sperto kiam nova generacio alvenas. Tiu mallonga prezentado instigis homojn scii pli pri TEJO. Vendredon okazos la Patrona Akcepto de TEJO, je 14h00 en la salono Broadribb.

**Quentin Weber-Seban, KN 712**

## La redakcio pardonpetas

al Heidi Goes, KN 401, pro tio ke ŝiaj nomo kaj kongresa numero ne aperis en *Aŭroro* 4 fine de ŝia informo pri la publika kunsido de TEVA en mardo. *Tamen*, ŝi sendis la informon *elektronike* kaj *ne mem aldonis* la kreditan linion. *Krome*, ŝi ricevis *provaĵon* kiun ŝi *aprobis*!






KONGRESA KURIERO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Aŭroro

Sabato, 27 julio 2013 N-ro 6

## REZOLUCIO DE LA 98-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ni, 1034 partoprenantoj en la 98-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj el 55 landoj de ĉiuj mondopartoj al la plej norda ĉefurbo, Rejkjaviko, sur la insulo Islando,

*diskutinte* en pluraj sesioj pri la temo "Insuloj sen izoliĝo: por pli justa komunikado inter lingvokomunumoj";

*konstatas,* ke insuloj – historiaj, geografiaj kaj sociaj – estas originaj fontoj de biologia kaj kultura diverseco, kiujn indas konservi kaj protekti;

*esprimas maltrankvilon* pri la nuntempe akriĝantaj minacoj al tiu diverseco, pro pluraj homogenigaj kaj detruaj tendencoj de la regantaj ekonomiaj kaj politikaj sistemoj tutmonde;

*samtempe bonvenigas* la kreskantajn ŝancojn por translima kaj transkultura interkompreniĝo, kiujn donas la disvastiĝo de komunikaj rimedoj kiel Interreto;

*atentigas* pri la graveco de lingva diverseco kaj lingva justeco en la protektado de tiu kultura bunteco, kiun heredigis al ni la insuloj de la mondo;

*memorigas,* ke ĝuste tiu protektado de diverseco estas kerna valoro de la movado por la internacia lingvo Esperanto;

*konfirmas* la volon de la Esperanto-movado kunlabori cele al mondo de "insuloj sen izoliĝo", kie ĉiuj lingvoj kaj kulturoj povas kunekzisti kaj plue disflori en reciproka respekto;

*alvokas* al mondvasta kunlaboro per lingve justaj rimedoj por kontraŭstari la minacojn de klimatŝanĝo kaj biokultura homogeniĝo;

*asertas* la urĝecon de tia agado por konservi la trezorojn de nia insuleca planedo.

## Komitato vigladebate

Okazis vendredmatene, la 26-an de julio, la lasta kunsido de la Komitato, kun emfazo sur la estonta agado. Ĝin karakterizis vigla kaj bonkvalita debatado.

Buĝeto 2014 estis akceptita, sed kun du montransigoj ambaŭ en valoro de mil eŭroj. Estraraj vojaĝkostoj reduktiĝos ĝis € 9 000, sendokostoj ĉe Jarlibro reduktiĝos ĝis € 6 500. Tio ebligis plusojn ĉe Movada Evoluigo: Edukado altiĝas ĝis € 4 000 kaj Eksteraj rilatoj ĝis € 3 000.

La buĝetoj por fondaĵoj en 2014 estis senmodife akceptitaj.

La Komitato konfirmis la decidon de la Estraro enrezervigi en la kapitalo sumon de cent mil eŭroj por renovigo de la asociaj retejo kaj administrado. La Estraro alprenas la devon regule raporti al la Komitato kaj membroj pri la realigo de la planoj.

Elektitaj estas nova konsisto por la Komisiono pri Financo kaj Administrado, kaj du novaj revizoroj.

La Komitato aprobis la starigon de Konsilio kaj regularon kiu difinas ĝian rolon. Post diskuto la sekvaj konsilianoj estis akceptitaj: Petro Baláž (Slovakio), Heidi Goes (Belgio), Huang Yinbao (Trezoro) (Ĉinio), Johannes Mueller (Germanio), Zsófia Kóródy (Germanio), Mélanie Maradan (Svislando), Francesco Maurelli (Italio), Veronika Poór (Hungario), Orlando Raola (Usono), James Resende Piton (Brazilo), Rafael Henrique Zerbetto (Brazilo), Amri Wandel (Israelo), István Ertl (Luksemburgo) kaj Michela Lipari (Italio).

La Komitato plie faris modifeton en la regularo de la Internacia Kongresa Universito kaj en tiu pri kotizperantoj. Restis malmulta tempo por diskuti la Strategian Planon. Oni atentigis pri la graveco pli bone konigi ĝin, laŭeble poparte per pli simplaj kaj klaraj tekstoj. Post la aldono de unu frazo pri E-kursoj por poŝtelefonoj, la Komitato akceptis la Strategian Planon.

**Stefan MacGill, KN 412**

## Ragnarsson dulingve honorata

La granda esperant- kaj island-lingva poeto Baldur Ragnarsson persone ĉeestis la literaturan programon en lia honoro de la Akademio Literatura de Esperanto je la 14h00 en salono Lapenna. La poeto estas kandidato por la Nobel-premio pri literaturo. Eseon pri li voĉlegis Nicola Ruggiero. Poemojn liajn en la islanda legis Siru Laine, kaj en Esperanto Spomenka Štimec. La titolo de la aranĝo estis “La poezio de Baldur Ragnarsson en liaj du lingvoj” – kortuŝa kaj altkvalita programo, kiu riĉigis la kongresanojn.

**Spomenka Štimec, KN 505**

## Strategia Forumo

La partoprenantoj de la kunsido (vendredon la 26-an de julio, 14h00-14h45, sub gvido de Mark Fettes) diskutis ĝenerale pri la nova strategia laborplano de UEA kaj pri kelkaj novaĵoj, kiujn ĝi alportos. Ĉefe la konsilion kaj la novan plurlingvan retejon de UEA oni pridiskutis. Tiel facile eblos trovi informojn pri la laboro de UEA en kelkaj naciaj lingvoj. Alia grava afero estas, ke la nova retejo donos spacon ankaŭ al landaj asocioj (se ili ne havas propran retejon) kaj al fakaj asocioj.

**Martin Schäffer, KN 708**

## Finiĝis diskutoj pri la kongresa temo

Ĵaŭdon je la 14h45 ni fermis la trian kaj lastan kunsidon dediĉitan al la diskutoj pri la kongresa temo, ĉi-jare sub la titolo: “Insuloj sen izoliĝo: por pli justa komunikado inter lingvokomunumoj”. La averaĝa partopreno estis proksimume 40 homoj, kiuj dum la unua tago (dimanĉo) aŭdis la prezentadon de la reĝisoro enkonduke al la temo. Dum la dua sesio, en mardo, aperis la kontribuoj de tiuj kiuj reagis al la alvokoj publikigitaj en la revuo *Esperanto* (Amri Wandel, Wally du Temple, Mirejo Grosjean), kaj poste ni havis diskutojn en malpli grandaj grupoj, kiuj analizis apartajn temojn ĉerpitajn el la diversaj ideoj enkondukitaj en dimanĉo.

La rezultoj de la grupaj diskutoj, kune kun novaj kontribuoj (ekzemple de Humphrey Tonkin) aperis en la ferma ĵaŭda kunsido. En ĝi la ĉeestantoj havis la ŝancon analizi ĝisdetale la malneton de la Kongresa Rezolucio, kiun la Komitato de UEA analizos en sia lasta kunveno kaj prezentos al la kongresanaro por aporobo dum la Solena Fermo.

Resume, ni havis buntan trarigardon en la fenomenon de insuloj kaj izolitecoj en iliaj pozitivaj kaj negativaj flankoj, kaj en la maniero laŭ kiu novaj transportiloj kaj komunikiloj (precipe Interreto) povas ŝanĝi la insulan karakteron de nia mondo.

**Orlando Raola, KN 266**

## Aikido

Kvankam aikido apartenas al la luktartoj japanaj, ĝi estas senperforta arto tre saniga por ĉiuj praktikantoj. Per aikido oni kreskigas sian koncentriĝkapablon, bonigas sian korpostaton kaj akiras defendoteknikojn.

En la ĉeesto de proksimume 40 personoj, ĵaŭdon tagmeze en salono Beleva, Mireille Grosjean prezentis tiun arton kaj ĉefe ĝian ligon kun Oomoto (ŝintoisma eklezio) kaj Esperanto laŭ historia vidpunkto.

AikidEo estas nova programo cele al konigo de Esperanto ĉe aikidistoj kaj konigo de aikido ĉe esperantistoj. Ĝi estas gvidata de Doktoro Klawe el Germanio kaj Mireille Grosjean el Svislando. Nuntempe laŭ nia scio la esperantistaj aikidistoj estas malpli ol dek.

**Mireille Grosjean, KN 270**

## Prelego pri Skotlando ĉe IKEL

En mardo la Internacia Komitato por Enaj Liberecoj (IKEL) unuanime reelektis ĉiujn membrojn de la reprezentiĝanta komitato kaj ratifis la elekton de Alain Favre kiel prezidanto.

En la faka kunveno, kelkdekoj da homoj sekvis kun granda intereso la prelegon de Ed Robertson pri la demando “Kio okazas en Skotlando?” En la gastiga lando de la UK, kiu nur en 1944 iĝis sendependa Islando, aparte kongruis aŭdi ke Skotlando voĉdonos la 18-an de septembro 2014 por decidi ĉu disigi aŭ ne sian sorton disde tiu de Anglio, kun kiu Skotlando subskribis traktaĵojn de unuiĝo en 1707.

**Nicole Margot, KN 385**

## MONA notas progreson

Kunveno de la Komisiono Meza Oriento kaj Norda Afriko (MONA) okazis la 25-an de julio inter la 15h30 kaj 16h30 en salono Dao Anh Kha kun la partopreno de dudek personoj. La situacio de Esperanto en la landoj de Meza Oriento kaj Norda Afriko estis klarigita. Notindas progresoj, krom en Turkio ankaŭ en kelkaj arablingvaj landoj (Maroko, Tunizio, Sirio).

Oni parolis pri la venontjara kunveno en Tbiliso, Kartvelujo. Interesiĝantoj pri la agado en iuj landoj bonvolu anonci sin al la adreso de la Araba Komisiono (araba.komisiono@esperanto.org).

**Renato Corsetti, KN 39**

## Juristoj kunsidis

En la salono Beleva kunsidis 25 kongresanoj, por aŭskulti la raporton pri la pasintjara agado de Esperanta Jura Asocio. La prezidanto de la asocio, Prof. Rafaela Urueña (KN 109), prezentis agadplanon por la venonta jaro kaj disdonis la revuon *Jura Tribuno Internacia*, eldonatan en Hispanio.

Post demandoj kaj sugestoj de diversaj partoprenantoj, la prezidanto prelegis pri "Problemoj kaj kvereloj en la golfeto de Algeciras: la Traktato de Utrecht kaj ĝiaj konsekvencoj en Ĝibraltaro". Por daŭrigi la kutimon prelegi pri faka temo dum jarkunsidoj, s-ro Ivo Osibov prelegos venontjare pri maraj malkonsentoj inter Kroatio kaj Slovenio.

La prezidanto kuraĝigis la ĉeestantojn kunlabori en nia revuo per artikoloj, juraj novaĵoj el diversaj landoj ktp, kaj aliĝi al nia asocio.

**Rafaela Urueña, KN 109**

## Rondo "Kato" kunsidis

*"Oni do metis min en kaĝon kaj portis al Harpa. Tie laboras mia patrino, Lóló. Kaj jen tie ŝi malfermas la kaĝon kaj ellasas min kaj min provas kapti areto da persekutantoj. Ili parolas strangan lingvon ĝis nun neniam auskultitan de mi, eĉ ne en televido. Sed iel mi duonorele komprenas, ke ŝajne ekzistas iu maljuna reĝino ilia, nomita Miaŭrjorie, kiu lastatempe estis malsana sed jam resaniĝis kaj sidas en sia kastelo denove. Ŝi verkis eĉ libron pri ni,* Kvarpieda kamarado. *Eĉ aperas iu novaĵletero pri ni en tiu stranga lingvo. Mi kompreneble faris eĉ ne la plej etan strečon miaŭi en tiu lingvo, mi ja estas siama kaj sekve ne parolema sed mi ja plendis al mia panjo. Ŝi ofertis al mi mian plej ŝatatan sekigitan fiŝon, sed mi indiferentis al ĝi kaj proteste nur eniris la kaĝon kaj jen ŝi forportis min hejmen."*



## Ekskurso al Gronlando



La ekskursa tago, merkredo, ĉi-foje havis ion tute nekutiman: vojaĝon al Gronlando. Flugon 1233 de Air Iceland el Rejkjaviko al Kulusuk plenigis kvindek esperantistoj. La flugo mem, neoficiale baptita "Zamenhof" de KKS Clay Magalhães, prezentis, eble je la unua fojo en la historio de nia lingvo, la flugsekurecajn anoncojn en Esperanto.

Sunplena tago kaj varmeta vetero (multe pli varma ol en Rejkjaviko, ni ja ŝvitis tie) plene inspiris nin plenpulme ekmarŝi ĉirkaŭ ses kilometrojn, ekde la momento mem de la alteriĝo. Ni ĉirkaŭiris piede la vilaĝon Kulusuk, haltante ĉe ĝia tombejo, ĉe ĝia preĝejo, ĉe la vilaĝo mem, kie ni admiris buntajn tradiciajn dometojn el ligno. Impona pejzaĝo kun montoj kaj eĉ glaĉero – kiun ni surmarŝis – fascinis nin per belo. Krome, plejparto el la ekskursantoj ĝuis la revenon al la flughaveno per boato inter glacimontetoj. Kronis nian viziton sinprezento de loka inuito, nepo de la heroino de la vilaĝo, kie ni admiris skulptaĵon dediĉitan al ŝi. La nepo interpretis per voĉo kaj perkutinstrumento du kanzonojn plenajn de mimiko kaj onomatopeoj pri romanco inter birdoj.

En la revenflugo la KKS disdonis diplomojn pri la vizito al Gronlando. Restis al ni fotiloj plenaj de sovaĝaj floroj, bluegaj montoj akrapintaj, kaj kapricformaj glacimontetoj.

**Francisco Veuthey, KN 785**

## Amerika Komisiono

La ĉeestantoj el pluraj landoj de Ameriko prezentis la situacion de Esperanto en la unuopaj landoj kaj oni diskutis pri la estonto de la agado. Por 2014 grava afero estas venigi aktivulojn el la tuta Latinameriko al la eventoj en Argentino, Brazilo kaj Urugvajo. Kongresanoj estas petataj donaci por tiu projekto kaj ĝenerale por Amerika Agado kaj transdoni tiun rekomendon al amikoj. TEJO petas subteni la fondaĵon "Partoprenu IJK".

**Martin Schäffer, KN 708**

## Kunveno pri UN kaj Unesko

Stefano Keller, la reelektita estrarano pri eksteraj rilatoj kaj ĉefreprezentanto de UEA ĉe UN en Ĝenevo, enkondukis la kunvenon pri UN kaj Unesko (ĵaŭdon, 12h45 en salono Lapenna) per informado pri la mesaĝoj de Rita Izsák, sendependa eksperto de UN pri minoritataj aferoj, kaj de aliaj mondrenomaj fakuloj pri lingvaj rajtoj. Temas pri tekstoj favoraj al Esperanto, kiuj jam ekaperas rete: http://www.linguistic-rights.org/esperanto-125/. Tiu materialo estas tre taŭga por informado kaj por konvinko de la publiko ĝenerala, oficista aŭ eĉ altrangula.

Poste, Keller kun Humphrey Tonkin, ĉefreprezentanto en Novjorko, prezentis la agantojn kaj agadon de UEA ĉe la mondorganizaĵoj: Unuiĝintaj Nacioj (Vieno, Ĝenevo, Novjorko) kaj Unesko (Parizo). Ili alvokis por kunlaboro de diverslandaj aktivuloj subtene al la prezentado de esperantistoj kiel defendantoj de lingvaj rajtoj. Konkretaj paŝoj estu farataj per kontaktado de lokaj UN-asocioj kaj Unesko-komisionoj, kies kunvenoj estas tre taŭgaj por diskonigi niajn celojn.

Elisabeth Barbey prezentis sian agadon en kunlaboro pri projektoj kaj iniciativoj de Unesko, kaj la diversajn aktivaĵojn, kiujn ŝi efektivigas kun alilandaj aktivuloj (FRINGOJ, lernejaj kontaktoj). François Lo Jacomo, komisiito ĉe Unesko en Parizo, informis pri sia kontribuo al la laboro de la Pariza UEA-teamo.

Demandoj de la ĉeestantaro estis responditaj. Trejnado por aktivuloj pri eksteraj rilatoj estas planata. La estraro kaj la komisiitoj atendas kunlaborproponojn de la membraro el la tuta mondo, ĉu forme de rilata loka agado, ĉu kadre de la UN/Unesko-organizoj, ĉu forme de tradukaj kontribuoj.

**Stefano Keller, KN 61**

## Nefumantoj kontraŭ fumado

Tutmonda Asocio de Esperantistaj Nefumantoj (TADEN) kunvenis mardon en salono Lapenna, kun 12 ĉeestantoj el 7 landoj, inkluzive de Brazilo, Japanio kaj Koreio. Gvidis la kunvenon Jan Bemelmans (KN 851). Okazis diskutoj interalie pri la jenaj aferoj. En Nederlando meze de la sekva jaro regos fum-malpermeso senescepta. La tabaklobie ligita sanministro (liberala) devis transdoni la tabak-politikon al socialista subministro. Ankaŭ alilande oni ankoraŭ suferas: alergiulo ofte devas forlasi kunvenejon kie nura plank-strio dividas fum-areon disde senfuma. Kaj surterasoj fumantoj – laŭ Pasquale Zapelli – simple ne povas imagi ke ilia fumo restas ĝene pendanta en la spirata aero. Li ankaŭ trovis cigared-reston en la kongreseja necesejo.

Ni disdonis la lastan numeron de *Puraj Pulmoj* kaj resumis la kortuŝan rakonton de Wanda de Kanter, nederlanda pulmistino, kiu bataladis kontraŭ ekfumemo de infanoj. Ĝuste virinoj altigas la lastjaran statistikon, logate de aromaj cigaredoj. En Germanio ĉe trajnhalto oni ebligas al fumantoj eliri por cigaredi sur la fum-areo. Iliaj vestoj fumtrempitaj poste ĝenas apudajn pasaĝerojn, sed tion ne menciis la televida elsendo. La nederlanda drogpolitiko – diferenco inter malfortaj drogoj kaj tabakfumo jam malpliiĝas – fariĝas pli severa, tamen urbestro deklaris ke oni ne kontrolos. Alkoholismo inter junaj lernantoj kaŭzas eĉ pli ol duonhorajn komatojn. Sed oni altigos la aĉet-permesan aĝon, samkiel por tabakaĵoj, al la 18-jariĝo.

**Rob Moerbeek, KN 51**

## Parkera kantado de *La Espero*

Entuziasmo regis! Enkondukis la kunvenon Hori Jasuo rakontante pri sia propra nekapablo parkere kanti nian himnon. Eĉ nun eblas konstati fermitajn buŝojn sur la podio de nia kongreso. Por forigi tiun hontindan mankon, necesas instrui la tekston al ĉiuj kongresanoj. Ĝis nun ekzistas 70 atestoj pri la parkera kantado; dum tiu ĉi kunveno sukcesis aldoniĝi 9 pliaj. Ĉiu akirinto de atesto rajtas mem ekzameni kaj sendi la rezultojn al la adreso de Hori Jasuo (hori-zonto@water.sannet.ne.jp). Lavange kresku nia afero!

**Dieter Rooke**

## Recenze pri kiel recenzi




Jen iom malfrue pri la Kleriga Lundo-sesio pri "Kiel recenzi diskon", 09h00-10h30 en Dao Anh Kha. Gvidis la intime negrandan sesion la brita esperantisto Paul Gubbins, fama Esperanto-aŭtoro, kiu prezentis sin ĉefe kiel ĵurnalisto kaj redaktoro de *Monato*.

Pozitive impresis, ke la sesio estis bone preparita: detala plano, kun tempo-skemo, videbligita sur-ekrane, same kiel pliaj lumbildoj. Estis tre interaktiva sesio, ne iu magistra kurso, kun ebleco ĉiam fari demandojn kaj komentojn.

Unue, "cerboskrapado" pri tio, kio kaj kial estas recenzado. Diskuto pri la necesa ekvilibro inter draŝado kaj laŭdado. Poste, analizado de pri-muzikaj recenzoj aperintaj en *Monato*. Sed la kerno de la sesio estis praktika ekzerco pri recenzado de aŭdigita kanzono de Kajto. Grupe aŭ individue, la ĉeestantoj devis per 150 vortoj recenzi la kanzonon objektive kaj "morse" (*M*uziko, *O*pinio, *R*ekomendo, *S*tilo, *E*nhavo).

La grupanoj liveris siajn recenzojn, poste Gubbins montris la sian. Fine estis projekciita pritema artikolo de Marjorie Boulton, kiu konsilas recenzi humilece kaj pli ĝentile "ol estus devige por iu nacilingva verko", kio iomete kontraŭdiris la rekomendon de Gubbins.

Konklude, estis tre utila interaktiva sesio. Estintus eĉ pli bone je la fino, se la gvidanto estus proponinta iaforman resumon de la sesio, kun la ĉefaj gvidlinioj pri la arto recenzi kaj kun la enhavo de la sesio.

**Aleks Kadar, KN 690**

## Atenton!!

Bedaŭrinde mi trovis preseraron en mia hajko aperinta en *Aŭroro* 5. En la 3-a verso de la unua peco, "marĉlandoj" devas esti "marĉlanoj". Marĉlano, alinome erioforo (*Eriophorum*), estas herbo kun lanugo simila al kotono.

**HIROTAKA Masaaki, KN 802**

[Bv. pardoni la eraron. Mi ne konis la koncernan vorton, kiun ni ne povis trovi en PIV, kaj tial aldonis la misan *d*. Cetere, dankon al tiuj kiuj helpis pri la prilaborado de *Aŭroro* ĉi-semajne, precipe Claude Nourmont pro tekstoj, Rob Moerbeek pro provlegado kaj Julia Noe pro entajpoj. –*Red.*]